XXª jaro. Nº 281 (1) ☆ Monata ☆ Januaro 1924

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| JARA ABONO | | REKLAMO | |
|---|---|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. | Anonco (unu centimetra kolonero) | 2.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. | Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. | Korespondado (1 enskribo) | 0.75 Fr. Sv. |
| *Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro* | | *Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!* | |

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15ª de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion*



## Ni certigu nian bazon!

En 1921 ni almilitis Internacian Ruĝan Krucon, la Ligon de Nacioj kaj la Internacian Labor-Oficejon. Tre pacaj almilitoj! En 1922 ni almilitis lernejaron per la Ĝeneva Konferenco. En 1923 ni almilitis komercon per la Venezia Konferenco. En 1924 ni povus almiliti novajn gravajn kampojn, sed averta sonorilo vokas al niaj oreloj:

Ni mezuru niajn fortojn kaj rigardu momenton internen antaŭ riski novajn entreprenojn. Esperanto ĝojige progresas, sed ĝi eĉ kuras pli rapide ol niaj organizaĵoj povas sekvi. Gravaj institucioj interesiĝas, belaj rezolucioj voĉdoniĝas, sed kiam venas la tempo por ilin apliki, mankas ofte la homoj kaj la mono por plenumi la laboron. Ni atentu pri tio. Ekzemple la Internacia Ruĝa Kruco jam faris al ni bonegajn proponojn, kiujn ni ankoraŭ ne povis profiti pro nura manko de disponeblaj fortoj.

Ĉu tio ne valoras pripenson? Antaŭ decidi novan ofensivon, saĝa armeo, eĉ paca, certigas unue sian forton kaj pretecon Ni tion faru nun. Novjaro estas taŭga tempo.

Nia movado staras sur du kolonoj: enlande sur naciaj societoj, internacie sur UEA. Naciaj asocioj bezonas sian monon por enlanda propagando. Per disciplino, klopodado kaj oferemo ili nun ekpagis procentaĵon de siaj kotizoj al nia nova centra organizo, sed tiuj sumoj estas neeviteble tre malgrandaj pro la ĵus dirita kaŭzo. Ni esperas, ke ili sukcesos kovri la minimumajn elspezojn de la Lingva Komitato kaj de ĝia arĥivejo. Sed kiom restos por la internacia propagando, plej grava, plej necesa?

Ĝis nun estis ĉiam UEA kiu devis subteni la gravajn internaciajn entreprenojn kun helpo de membroj kaj donacantoj; ĝia organizo ebligas fortecon, ĉar ĝi ricevas rekte kotizojn de individuoj anstataŭ nuraj opaj procentaĵoj. La kotizojn ĝi ricevas ĉar ĝi donas interŝanĝe regulajn jarlibron, gazeton kaj servojn. Nu tio postulas altan administran elspezon, sed ĝi valoras ĝin. Kun mil pliaj membroj UEA havus neniun deficiton kaj ĝia vivo estus certigata. Kun kvarmil pliaj, t. e. entute 10.000, ĝi fariĝus vera potenco por nia movado kaj povus monsubteni ĉiujare pli ol unu fakan konferencon, akceli la laboron por teknikaj vortaroj, ebligi la C. K. entrepreni novajn propagandojn.

Kial? Ĉar la elspezoj ne multe ŝanĝas por 6 aŭ 10.000 membroj. La jarlibro, la gazeto, la administrejo jam ekzistas. Estas vera domaĝo, ke ili ne povas utili al 20.000 anstataŭ sesmil personoj! Tio postulus proporcie ne tre multe da plia laboro kaj mono. La tuta diferenco povus iri al propagando. Same pri la garantia kapitalo. Ĝia procentaĵo helpus niajn almilitojn anstataŭ pagi deficitojn. Ĉu tio ne valorus seriozan pripenson, volon kaj agadon?

Ni respondas: *jes* kaj nia decido estas jena: Ni haltos momente la eksteran almiliton por certigi nian internan forton. Ni dediĉos tiun ĉi vintron al necesega koncentrigo.

UEA devas atingi 10.000 membrojn kaj ĝi atingos ilin. Ĝis tiam estas fantazie revi pri novaj eksteraj venkoj. Ni do proponas al ĉiuj esp. grupoj en la tuta mondo organizi *semajnon de UEA* en kiu nia delegito kaj elokventaj samideanoj faru paroladojn pri UEA kaj varbu novajn membrojn. Ĝi estu nia sankta tasko dum la tria semajno de februaro.

Por ke niaj legantoj ankaŭ partoprenu, ni sendas al ĉiuj du ekzemplerojn de tiu ĉi numero, dediĉita al UEA. Ili rondirigu la duan inter amikoj kaj nepre varbu almenaŭ unu novan membro-abonanton. Ni montru unufoje ĉu nia movado volas esti forta aŭ ne. Venis la tempo!

*Edmond Privat.*

# Kunvenoj de UEA kaj K. R. en Ĝenevo dum Aprilo.

Por diskuti la rimedojn por pli intima kunlaborado inter UEA kaj naciaj societoj la Centra Komitato kunvokos specialan komunan kunvenon de ties reprezentantoj ĉe la Centra Oficejo de UEA en Ĝenevo, la 20an de aprilo, tuj post Pasko, tiamaniere ke ĝi povu raporti jam dum la Viena Kongreso pri la necesaj paŝoj por koncentrigi niajn fortojn.

Aliparte necesas apliki diversajn decidojn de la Venezia Konferenco. Nia amiko S-ro Edmonds, kiu reprezentis tie la Londonan Komercan Ĉambron sukcesis starigi komitaton de britaj komercistoj, kiu jam konatigis la rezultaton de la konferenco al pluraj miloj da Komercaj Ĉambroj eksterlande. En Parizo fondiĝis la Societo „Esperanto et Commerce“ kaj la Pariza Komerca Ĉambro akceptis partopreni en Komisiono por aranĝi eksperimentan instruadon de nia lingvo al diverslandaj komercistoj, laŭ invito de la Brita Komitato.

S-ro Edmonds, nun ankaŭ sekretario-kasisto de K. R. bezonas interkonsenti kun la naciaj societoj pri tiu afero kaj invitos ilin, ke ili sendu delegitojn al Ĝenevo por tio. El Parizo venis peto, ke oni atendu la venontan jaron por organizi konferencon en tiu ĉi urbo kiam nova registaro estos pli favora.

La Komerca Komisiono de UEA do ankaŭ kunvenos en Ĝenevo samdate kaj UEA kunvokos ankaŭ siajn komitatanojn, delegitojn kaj subtenantajn membrojn por eksterordinara kunveno pri la aplikoj de la Veneziaj rekomendoj koncernantaj la servojn de UEA kaj pri la necesaj rimedoj por plifortigi la asocion.

Kiu intencas partopreni bonvolu jam tuj informi la Centran Oficejon en Genève.

---

# Kiu subtenos nian internacian agadon?

Ni presigas ĉi malsupre kelkajn ciferojn, ilustrantajn la situacion de UEA antaŭ la milito, dum la milito kaj post la milito ĝis 1923. Mankas ankoraŭ milo da membroj por reatingi la ciferon de 1914. UEA elportis gravajn deficitojn en 1920, 1921 kaj 1922 por rekonstrui la domon kaj reorganizi sian internacian agadon. La heredaĵo Hodler kaj la garantia kapitalo devis pagi tiujn gravajn diferencojn de 24.000, 31.000 kaj 22.000 Fr. sv. Dum 1923 la deficito el la regulaj kontoj malgrandiĝis je 8.000 svisaj frankoj. Eĉ tio estas ankoraŭ multe tro. Se deficitoj devus ĉiam daŭri, iu ajn kapitalo malaperus en kelkaj jaroj. 1924 devas esti nepre la lasta jaro de deficito kaj ni ne povos riski novan eksteran entreprenon ĝis ni certigos tion kaj atingos nombron da membroj sufiĉan por vivigi senzorge la jarlibron, la gazeton kaj la administradon de ĉiuj servoj. Sufiĉus trovi la plian milon da membroj por tion certigi.

| Jaro | La kaso de UEA prilaboris | Nombro de membroj | Jara elspezo | Jara enspezo | Jaro | La kaso de UEA prilaboris | Nombro de membroj | Jara elspezo | Jara enspezo |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | Fr. | | Fr. | Fr. | | Fr. | | Fr. | Fr. |
| 1913 | 185.504 | 6276 | 35967,95 | 33647,10 | 1919 | 129.279 | 3114 | 26620.85 | 19191,30 |
| 1914 | 164.636 | 7233 | 34956,99 | 36329,35 | 1920 | 171.750 | 3894 | 54015,59 | 30928,17 |
| 1915 | 106.354 | 2699 | 15790,93 | 17884,43 | 1921 | 241.151 | 5577 | 67295,08 | 36705,06 |
| 1916 | 81.266 | 2729 | 14730,50 | 15250,78 | 1922 | 247.335 | 6183 | 60166,81 | 38963,28 |
| 1917 | 64.863 | 2456 | 13274,19 | 14208,78 | 1923 | 250.956 | 6350 | 52020,95 | 44523,37 |
| 1918 | 58.546 | 1958 | 12293,16 | 11147,71 | | | | | |

Rimarko: Por bone kompari kun 1920 ĝis 1923 la antaŭaj jaroj 1913 ĝis 1919, entenas la ciferojn de „Esperanto“ tiam propraĵo de H. Hodler.

Poste, ĉiuj pliaj miloj rekte helpos al propagando. Iu proponis fari solenan alvokon por ke 100 esperantistoj promesu po 100 svisaj frankoj ĉiujare kaj tiel havigu regulan plian enspezon de 10 000 Fr. por gravaj entreprenoj de UEA sur la internacia kampo kaj necesa subteno al la propagandaj iniciatoj de la Centra Komitato. Estus eble malfacile trovi nuntempe la deziratan centon, sed estus certe eble trovi 400 esperantistojn kiuj fariĝus subtenantaj membroj kun jara kotizo de 25 svisaj frankoj.

La rezultato estus tute la sama kaj UEA ricevus ankaŭ per tio necesan helpon por internacia agado.

Ni do publike alvokas tie ĉi al ĉiuj amikoj de nia afero, ke ili pripensu serioze la aferon kiel ĝi meritas kaj decidu ĉu nia movado devas pene postkuri sin mem kaj viveti kun zorgoj aŭ ĉu ĝi devas fariĝi vera potenco, ne nur sen deficitoj, sed kun efektivaj rimedoj por subteni siajn batalojn kaj prepari novajn.

La tri kvaronoj de la necesa forto ekzistas. Sufiĉus trovi ĝuste nun la kvaran kvaronon, t. e. du aŭ tri mil novajn membrojn je Fr. 12,50 kaj kvarcent subtenantojn je Fr. 25.—. Kiu estas preta respondi?

Al ĉiu nova subtenanto ni sendos po unu laŭdezire el la jenaj sendaĵoj: 1. Fundamenta Krestomatio de Esperanto. 2. Vortaro de Esperanto (Kabe). 3. Sendaĵo enhavanta la jenajn verkojn: *Edm. Privat:* Vivo de Zamenhof; Historio de la lingvo Esperanto; *Turgenev:* Elektitaj Noveloj; *Puŝkin:* Tri Noveloj; *Niemojewski:* Legendoj; *Hildebrand:* El la Camera obscura. Plie aldono de po unu ekzemplero de raportoj pri la konferencoj en Genève kaj Venezia, angle, esperante, france, germane aŭ itale.

La jaro 1924 ebligu, ke la normalaj ciferoj estu atingataj kaj ke nia movado povu vigle kaj regule antaŭenmarŝi sen ĉiamaj monpetoj. Nun estas la momento liberigi nin de tiu temo definitive. Ke ni neniam plu bezonu paroli pri tio!

# Ora libreto pri UEA.

La prezidanto de UEA, S-ro Ed. Stettler kaj la Centra Oficejo en Ĝenevo prezentas al la esperantistaro novan libreton, kies aŭtoroj estas cento da konataj samideanoj el plej diversaj landoj kaj kontinentoj. Ĝi titolas: *„UEA en la juĝo de la esperantistoj“* kaj enhavas bonajn ilustraĵojn.

Al tiu rimarkinda komuna verkaĵo kunlaboris la jenaj subskribintoj:

Bernardino Martins d' Almeida; J. A. G. von Schmidt auf Altenstadt; J. D. Applebaum, F. B. E.; M. Arabeno; Ernest Archdeacon; D-ro Heinrich Arnhold; At. D. Atanasov; Julio Baghy; Paŭlo Balkanyi; Paul Blaise: Björn P. Blöndal; Robert Bolliger; H. Bonnevie; Jean Borel; Pierre Bovet; Oskar Bünemann; Gabriel Chavet; Paul Christaller; D-ro J. Dietterle; Ralph Eliott; Friedrich Ellersiek; Stanislav Essigmann; J. Etard; D-ro C. J. Baart de la Faille; K. von Frenckell; Rudolf Friedrich; D-ro Arturo Ghez; Henk Goemans; Prof. Corrado Grazzini; Edgaro Grot; Fr. Hajek; Henning Halldor; Marie Hankel, L. K.: Ernest Hediger: Victor Hendricx; Prof. Henry W. Hetzel, A. K.; Harrison Hill; Percy T. B. Hudson; J. R. G. Isbrücker; Julia Isbrücker; Ludwig Istel; Teo Jung; D-ro fil. Stan. Kamaryt; Ivan H. Krestanoff, L. K.; W. Kenn; Jozef Konderak; Prof. Oresto Kuzjma; Erique Legrand; Israel Lejzeroviĉ; Walter Lippmann; Jozef Litauer; St. Minkov; D-ro Albin Möbusz; Henriko Munos; Pierre Muffang; Julio Mangada-Rosenörn; Margarethe Noll; Inĝ. Rud. Novàk; August Omlor; Donald E. Parrish; F-ino P. H. Peckover; Jone Perogordo; A. Ploussu; Henri Petiau; Louis Poncet; William O. Post; Maria van Rees; Vincent Richard; Fritz Rockmann; Rollet de l' Isle; C. Rousseaŭ; Stanislaw Rudnicki; Rolf Rupĉiĉ; Astrid Rybo; Anna Ŝarapova; H. Serrano Olmo; O. Sklenĉka; D-ro Edmund Sós; Ernst Scheuer; Johannes Schwaiger; D-ro Anakreon Stamatiadis; D-ro Albert Steche; Petro Stojan; Penko Stojev; C. C. Tarelli; F-ino Yvonne Thooris; S-ino Marcelle Tiard; Juan Trobat-Colomé; J. M. de Villa; Eugen Wüster.

Ĉiu alportis sian ŝtonon al la konstruaĵo per mallonga skribaĵo, dirante sian juĝon aŭ impreson pri la organizo kaj laboro de UEA. Kiam oni malfermas la libron, oni ekpensas: nu eble ĝi estos tre monotona kaj ties legado fariĝos teda... sed montriĝas tute alie kaj oni legas unu respondon post la alia, la tutan libreton de komenco ĝis fino kvazaŭ allogan novelon.

Kial? Ĉar tie brilas la diverseco de gustoj, de stiloj, de spertoj. Iun impresis unu fakto, ceteran tute alia. Sed ĉefe la legado interesas ĉar temas pri la vivo mem de nia movado. En tiu kolekto da atestoj antaŭ la tribunalo de l' esperantistaro unu esprimo revenas tre ofte:

*„UEA estas la koro kaj la sango de Esperantismo“.*

Kion signifas tio? Ĝi signifas, ke la respondintoj komprenis, kiel D-ro Zamenhof mem, ke UEA formas esencan bazon por ke la 16 reguloj de la fundamenta gramatiko povu tuj ebligi homojn interrilati *nun* inter si trans limoj kaj lingvaj baroj. Ili ankaŭ komprenis, kiel la Majstro, ke UEA fariĝis nia plej grava organizaĵo, ĉar ĝi grupigas en firma unuiĝo la esperantistojn mem kaj iliajn individuajn fortojn. Per ĝi Esperantismo povis jam venki malfacilaĵojn, travivi la militon kaj reprogresadi tuj poste.

Inter la cento da respondoj oni trovos ĉiuspecajn impresojn. Iuj rakontas kortuŝe pri servoj al ili faritaj, aparte pri helpo al militkaptitoj dum la milito, retrovo de perditaj familianoj, perado por ricevi novaĵojn ktp. Aliaj insistas pri la utileco de la jarlibro, pri sia plezuro legi la gazeton. Multaj aludas je la forteco de UEA, ĝia metodo, ĝia ordo, ĝia sistemeco, ankaŭ aplikita al la konferencoj kiujn ĝi organizis en Genève kaj Venezia.

Ĉiuj konsentas, ke la unua devo de la esperantistoj estas aliĝi kaj subteni nian centran Asocion por ke nia afero vivu. La libreto ne vendiĝas. Ĝin ricevos la delegitoj, la subtenantoj kaj la donacontoj, kiuj ĝin petos por varbi novajn membrojn.



# La filozofio de UEA

de *Edmond Privat.*

Kiu konas funde la historion de Esperanto kaj de ĝia progresado, tiu scias, ke la fondo de UEA respondis ne nur al praktikaj bezonoj, sed antaŭ ĉio al tre klaraj, tre difinitaj ideoj. Homoj kiel Hodler kaj Rousseau estis veraj pensuloj pri nia movado. Ili havis pri ĝi, ne nur praktikan, sed ankaŭ teorian komprenon, eĉ preskaŭ doktrinon, en la komenco tre rigidan, poste pli kaj pli ellarĝigitan, sed ĉiam tre potencan. Estas interese kaj ne senutile ĝin resume klarigi al la pli novaj esperantistoj.

Ekzistas esenca diferenco inter teoria mondlingva movado kaj tuja vivuzado. Unu metodo konsistas je idea propono al la mondo iam akcepti oficiale mondlingvon, t. e. senfina atendado je iamaj registaraj decidoj, hipotezaj komitataj studoj, ktp. La alia sistemo apogas la unuan, sed ne kontentiĝas per tio. Ĝi pli kalkulas sur tuja komencado per si mem de tio, kion oni proponas al la mondo.

Jen rondo da homoj en ĉiuj landoj jam uzas inter si la helplingvon, kiun ili proponas. Ili mem vivas ĝuste kiel ili konsilas, ke la tuta homaro vivu. Ili ne diras: „faru kiel mi diras“, sed „faru kiel mi faras“. Do, krom sia gepatra lingvo, ili mem uzas Esperanton por vojaĝi, korespondi, interrilati, legi, informiĝi pri eksterlandaj aferoj. Reciproke ili ankaŭ helpas aŭ informas alilandulojn.

Krom sia hejma vivado, ili faciligas al si internacian vivon kaj eĉ kulturon. Al ili nek vojaĝado, nek informiĝo, nek ekkono je aliaj landoj estas malsimpla, malfacila, ne imagebla kiel al tiom da ceteraj homoj. Por iliaj internaciaj kunvenoj, por iliaj translimaj interŝanĝoj, por ĉio eksternacia kaj reciproka, la ĝena, peza, rompa lingva baro malaperis. Ili vivas kiel la homaro vivos iam.

Kia ekzemplo! Kia interna forto super ĉiuj eblaj argumentoj kaj hezitoj! Se nur la rondo disvastiĝos ĉiujare pli kaj pli, la uzado kaj vivado same plivastiĝos, la disradiado ankaŭ kreskos, tiam la nombroj des pli altiĝos kaj iom post iom la malgranda rondo fariĝos la tuta homaro. Tiam eĉ neniuj decidoj estos bezonataj. Ili estos nuraj konfirmoj.

Jen la dua metodo. Jen kion ebligas UEA. Tion celis ĝiaj fondintoj. Oni povus tute prave paroli pri filozofio de UEA, ĉar tiu metodo entenas profundan komprenon pri la disvolviĝo de homa progresado.

La sistemo de UEA estas ĉies rifuĝejo en malkuraĝigaj horoj. Kiam eksteraj cirkonstancoj malfavoras, kiam azenas ministroj, kapskuas intelektuloj, mokaĉas gazetoj, malkomprenas publiko, tiam la funkcianta esperantismo de UEA konservas la fidon kaj redonas fortojn. Neniu ajn dekreto, ŝerco aŭ sofismo povas ĝin ŝanceli. Jen ĝi estas, aŭskultu la pulson: la koro batas, la sango cirkulas. La rondo de l' homoj venkinta la lingvan barilon nepre estas prava kaj la mondo ne povas marŝi malantaŭen. UEA nur vivu kaj kresku; iam la mondo aliĝos aŭ imitos ĝin.

Grandkora virino skribis en la ora libreto pri UEA:

> „La granda valoro de UEA kuŝas laŭ mi en tio, ke ĝ ne nur estas etika, idealista unuiĝo [interfratigante la diversajn naciojn], sed ankaŭ pure praktika entrepreno [helpante la membraron en ĉiaj materiaj rilatoj]. Ĝi realigas la maloftan kombinadon de idealismo kaj praktiko.“
>
> HAGO, 1923. JULIA ISBRÜCKER.

Ankaŭ pri tio oni povus filozofi. Multaj esperantistoj ankoraŭ konsideras UEA nur kiel turistan aŭ komercan Asocion. Kial? Ĉar ĝi ne perdas tempon en longaj paroladoj, sed organizas utilajn servojn. Tamen ĝi estas fondita de homoj kun alta idealo. Tamen ĝia statuto entenas sub artikolo § 1 tiujn ĉi celojn:

> *„Disvastigi la uzadon de la Internacia helplingvo Esperanto;*
>
> *Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo;*
>
> *Krei internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limoj de ilia genta aŭ lingva teritorio;*
>
> *Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj.“*

La lasta paragrafo ja montras sufiĉe la altan inspiron, kiu diktis tiun celaron. Ni revenu al la bildo pri la rondo de homoj jam uzantaj Esperanton per la UEA-ebligo. Nedubeble tiu interservado estas por ili mem edukado homara. Samgrade ĝi riĉigas ilian konon. Ili lernas multe pri fremdaj nacioj. Disvolviĝas ĉe ili samtempe la sento pri homara solidareco kaj la ekformiĝo de internacia kulturo. Se la rondo pligrandiĝas, ankaŭ tiu sento kaj kulturo plivastiĝas en la mondo.

La fondintoj de UEA volis fari el ĝi modelon de eta homaro, en kiu libere kreskus la spiritaj kaj materiaj avantaĝoj kaj ligiloj da senbara interrilatado inter homoj ĉiulandaj. Ili kalkulis la efikon de kutimiĝo. Multajn aferojn oni tre malfacile povas trudi aŭ eĉ komprenigi ekstere al la popoloj. En UEA rondo la homoj kutimiĝas tute nature kaj trankvile al normala internacia vivo en siaj moroj. La rondo nur kresku ĝis amplekso de la tutmondo kaj tiam homareco regos ĉie.

Intertempe jam la disradiado de la rondo efikas per ekzemplo kaj influo. Jen la plej supra parto de la „filozofio de UEA“.

Ĝi rekte devenas el Zamenhofa patreco kaj estas inda je ĉiuj sindonoj. Ĝi lumigas la plej humilajn kaj sendankajn servojn de la delegitoj per la stela lampo de l' plej alta idealo.

# Kelkaj kunlaborantoj de nia gazeto.

UEA deziras profiti la Novjaran okazon por unufoje danki el tutkoro la sindonajn kaj talentajn samideanojn, kiuj bonvole kunlaboras al tiu ĉi gazeto. Ili akceptu la esprimon de sincera dankemo pro siaj interesaj kaj bonstilaj skribaĵoj, ĉiam alportantaj al multaj legantoj ĉu novan scion, ĉu novan plezuron.

De kelkaj el ili ni presigas en tiu ĉi numero la portretojn kun mallonga biografia noto. Pri la ceteraj niaj legantoj scias jam per la stilo, se estas vera tiu fama rimarko de la franca verkisto Buffon: La stilo estas la homo. Pri nia ŝatata poeto Julio Baghy ni publikigis apartan artikolon en decembro.

*Stroele, Georges,* estas la sprita, nekoruptebla recenzisto de niaj novaj esperantaj libroj, pri kies juĝo atendas iom time la senpaciencaj aŭtoroj aŭ tradukintoj kaj ĝojas la amatoroj de bona esperanta stilo. Li naskiĝis en 1879 en Couvet (Svislando), studis en Neuchâtel en scienca gimnazio kaj Normala Lernejo, akiris instruistan diplomon en Neuchâtel en 1899, kaj tie nun instruas en 7a klaso (unuagrada supera lernejo). Li fariĝis esperantisto en 1904, ĉeestis la 2-an, 3-an, 4-an, 7-an kaj 9-an Universalajn Kongresojn, estis elektita ano de l' Lingva Komitato en 1912, kunlaboris al financa fako de UEA, estis petata komence de 1919 de S-ro Hodler verki prilibrajn recenzojn en „Esperanto“ kaj tiun taskon ĝis nun konservis, faris kursojn, paroladojn pri Esperanto, aperigis propagandajn artikolojn, verkis tradukojn por „La Revuo“, „Lingvo Internacia“, „Esperanto“, estas nun prezidanto de loka grupo kaj de la Ekzamena Komitato de Svisa Esperanta Societo. Li estis elektita sekretario de la Sekcio pri Konkursoj kaj Premioj, kiun direktas D-ro Privat en la Akademio.



GEORGES STROELE

* * *

*Hájek, František,* estas la sperta gvidanto de niaj ŝakludantoj kaj liaj ordonoj kurigas ĉevaletojn, reĝinojn kaj pionojn sur la kvin kontinentoj. Li naskiĝis la 2-an marton 1883 en Praha, ŝtata financa oficisto en la sama urbo, estas ŝakverkisto kaj forta ŝakludanto. Ankaŭ fervora turisto kaj sportisto. Laŭ lia diro, lia vivmaniero estas duelementa, pro kio sole ĝi diferenciĝas de l' vivo de aliaj. Vintre li vivas surtere, sed kiam la glacioj degelas, li pasas ĝin en la akvoj. Kvazaŭ idolano li adoras la sunon kaj la akvon, kiuj foje redonis al li la forte skuitan sanon. Li esperantiĝis en la jaro 1899 kaj antaŭ tri jaroj li komencis gvidi nian ŝakangulon.



FRANTIŠEK HAJEK

*Bennemann, Paul,* estas konata al niaj legantoj per siaj notoj pri muziko kaj belartoj. Li naskiĝis la 13 marto 1885 en Leipzig kaj 1899 ĝis 1905 studis en la instruista seminario en Frankenberg. Post trijara provizora servo en Hainichen li fariĝis instruisto en sia gepatra urbo, kie li vivas ankoraŭ nun. — Flanke de sia profesia laboro liaj ĉefaj interesoj inklinas al la artoj, precipe al muziko kaj al lingvaj demandoj. Ĉi tiuj kondukis lin en 1910 al Esperanto, al kiu de tiam li oferis grandan parton de siaj amo, forto kaj laboro. Sian talenton li uzis, por verki tradukojn kaj originalajn artikolojn por gazetoj, duvoluman legolibron „Tra la mondo“, Internacian Kantaron kaj Vortaron esperantan-germanan (parto germana-esperanta preskaŭ finita). Sed la plej amata el liaj laboroj estas la traduko de la belega Hebbel'a dramo „Gyges kaj lia ringo“. — Al la traduko de majstroverkoj el la germana literaturo li intencas ankaŭ estonte dediĉi sian ĉefan forton.



PAUL BENNEMANN

* * *

*Lippmann, Walter, D-ro,* estas ĉefe konata al niaj legantoj pro siaj belaj tradukoj el orientaj poetoj. Li naskiĝis en 1895 kaj studis en universitatoj de Leipzig, Heidelberg kaj Göttingen juron, politikan ekonomion kaj ankaŭ historion de religioj. Krom tio li lernis lingvojn latina, greka, hebrea, angla, franca kaj itala. Li estas doktoro de juro kaj jam deĵoris kiel distrikta prokuroro en Zwenkau, Dresden kaj Leipzig.

Al li ni ŝuldas la belan libron pri la Lingvaj Respondoj de D-ro Zamenhof kaj la Akademio ĵus elektis lin direktoro de Sekcio por gramatiko.



D-ro WALTER LIPPMANN

* * *

*W. Kenn,* nia konata ĉina samideano, ja skribis por ni rimarkindajn studojn pri ĉinaj aferoj, ĉina lingvo, ĉina versfarado kaj ni baldaŭ presigos de li artikolojn pri Budho kaj Konfucio.



W. KENN

Li naskiĝis en Kanton en 1897, studis tie kaj poste ekinstruis en la Provinca Supera Lernejo de Leĝoscienco. Lia kariero estas precipe ĵurnalista kaj li vojaĝis tra tuta Orienta Azio (Malaja Duoninsulo, Birmanio, Indo-Ĉinio, Japana Insularo, Formoso) kiel korespondanto de grandaj ĉinaj gazetoj.

Fervore propagandinte kaj instruinte Esperanton en Azio, S-ro Kenn nun studas nian movadon kaj literaturon en Eŭropo, vivante en Lyon, kie li laboras en Institut Franco-Chinois. Li partoprenis la Ĝenevan Konferencon kaj poste la Venezian, kien delegis lin la ĉinaj Komercaj Ĉambroj de Tientsin, Peking, Siam kaj Makassar. Li estis elektita membro de la Lingva Komitato kaj de la Centra Komitato.

* * *

*Stojan, Petro,* ĉiam allogas niajn legantojn per siaj lingvaj studoj, ne nur sciencoplenaj, sed ĉarme spritaj. Ankaŭ li donis al ni valorajn artikolojn pri sciencaj temoj kaj originalajn literaturaĵojn. Lian stilon oni tuj rekonas pro vigleco kaj trafeco.

Li estas specialisto pri la teknika vortaro de lingvoj kaj laboris dum dekses jaroj por 12 vortaroj kaj interalie super la granda rusa vortaro de la Imperia Akademio. Licencon de fiziko kaj matematiko li akiris en Petrograda Universitato en 1914 kaj poste specialiĝis en leksikografio. Instruinte en Serbio kelkjare, li nun estas en Rumanio. Kun S-ro Wüster li estas unu el la veraj kompetentuloj pri vortara tekniko. Membro de la Lingva Komitato (nask. 1884 en Besarabio).

Kortuŝa detalo: ĉu vi rimarkis kiom atente li observis birdojn kaj kiom li ŝatas ilin? Tre ofte venas aludoj al tiuj karaj flugiletoj en liaj skribaĵoj. En 1911 li eĉ publikigis „Ornitologian oklingvan Vortaron". Ĉiuj konas lian rus-esp. vortareton kaj li nun preparas plenan fundamentan Vortaron kaj originalan Proverbaron Esperantan. En 1913 li aperigis grandan ilustritan vortaron de la rusa lingvo kaj nun verkas studon pri la deveno kaj strukturo de hindo-eŭropaj lingvoj.



PETRO STOJAN.

# Ligo de Nacioj pri UEA.

El la raporto de la Ligo de Nacioj, oficiale adoptita per baloto de la III-a Ĝenerala Kunveno en 1922. (Ĉapitro IV):

„La praktika uzado de Esperanto estas faciligata per la rimarkinda funkciado de Universala Esperanto-Asocio, kiu etendas siajn servojn, kiel lertan araneaĵon sur la kvin partoj de la mondo. Tiu organizaĵo posedas delegitojn en milo da urboj en 39 landoj. Ĝi ĉiujare publikigas jarlibron kun la alfabeta listo de la urboj kaj adresoj de la reprezentantoj. Tiuj ĉi lastaj, kiuj ludas proksimume la rolon de esperantistaj konsuloj, respondas al la informpetoj, servas kiel perantoj por klopodoj, akceptas la vojaĝantojn ĉe la stacidomo, aŭ gvidas ilin tra siaj loĝlokoj.

La delegito de malgranda urbo ekzemple ricevis en unu monato 42 korespondaĵojn en Esperanto el 26 landoj. Li plenumis 22 komercajn servojn. Li respondis al 3 turistaj informpetoj, al 2 pri hoteloj, al 4 pri la vivkostoj, al 5 pri lernejoj aŭ pensionoj, al 2 pri malaperintaj internigitoj, al 3 pri leĝoj aŭ voĉdonoj, al 7 pri demandoj de laboro aŭ salajro. Li akceptis 18 personojn ĉe la stacidomo kaj gvidigis 12 tra la urbo. Ano de UEA povas, kun sia jarlibro en la mano, informiĝi pri ĉiuj landoj, ligi rilatojn ĉie per korespondado. Se vojaĝante, en kia ajn urbo, li turnas sin al la delegito de UEA, tiu ĉi povas rilatigi lin kun esperantistoj el diversaj metioj, sen la neceso, ke la tuta urbo parolu en tiu lingvo . . .

Estas memkompreneble, ke se Esperanto estus instruata en ĉiuj lernejoj, oni estus komprenata kie ajn de la tuta loĝantaro, dum hodiaŭ la publiko, kiu ĝin uzas, estas ankoraŭ tre malgranda. Sed rekoninde estas, ke eĉ nuntempe ĝi povas plenumi utilajn tujajn servojn, dank' al sia praktika organizo kaj al la fakto, ke ĝi estas disvastigita en preskaŭ ĉiuj landoj de la mondo.

Cirkulero aŭ broŝuro presata en Esperanto povas esti disdonita tra la tuta mondo kun kostoj tre malgrandaj, antaŭ ol oni eĉ penis tradukigi ĝin en dudek aŭ tridek lingvoj, kaj antaŭ ol oni trovis agentojn por ĝin disdonadi . . .

La Internacia Laboroficejo aranĝis en 1921 malgrandan eksperimenton. Ĝi publikigis en Esperanto 5 dokumentojn pri sia agado kaj organizo, kaj ĝi disdonigis ilin pere de la delegitoj de UEA. Kiel rezulto poste aperis 219 artikoloj pri la I. L. en la ĉiutagaj gazetoj de 21 diversaj lingvoj, kies eltranĉojn kolektis la I. L. De tiam la I. L. respondas en Esperanto al la leteroj kiuj alvenas al ĝi en tiu lingvo."

# Scienca Kongreso por disvastigo de komercaj rilatoj internaciaj.

En Lyon, la 1—4 marto 1924, okazos Scienca Kongreso por disvastigo de la komercaj rilatoj internaciaj, malfermota de la urbestro S-ro Edouard Herriot, prezidanto de la Foira Komitato. Gravajn raportojn pri trafikaj, doganaj, kambiaj, pasportaj kaj koloniaj problemoj estos prezentataj de diverslandaj profesoroj de ekonomio.

Oni rajtos ankaŭ paroli en Esperanto dum la diskutoj kaj partoprenontoj povas skribi en tiu ĉi lingvo al la ĝenerala sekretario S-ro Etienne Antonelli, profesoro de juro ĉe la universitato, Hôtel de Ville, Lyon.

Ni kore esperas, ke kelkaj samideanoj el diversaj landoj anoncas sian partoprenon.



# EL SCIENCO KAJ NATURO



## La suno en la antikvaj religioj kaj en la nunaj sciencoj.

*Petro Stojan.*

Depost la studoj de Volney en fino de la XVIII[a] jarcento, kaj de Burnouf en fino de la XIX[a] neniu objektiva scienculo ignoras, ke la mistikaj nomoj de Osiris en Egipto, de Fojbos en Hellado, de Kriŝna en Hindio, kaj de Kristo en Eŭropo, estas antikvegaj simboloj de la suno. Osiris, kies nomo similas nomon de Siriuso, estis personita suno mem, kiu en somero, plej varma jarparto, proksimas al la Siriuso, ĉefa stelo en la Granda Hundo. Apuda stelaro, la Malgranda Hundo, nomita latine „Canicula“ t. e. hundeto, lasis al ni vorton k a n i k u l o t. e. somera libertempo, kiam niaj infanoj — pro la laciga varmo — ne estas devigataj lerni. Fojbos aŭ Apolo, kiel Kriŝna, estis bildita sur ĉaro kun blankaj ĉevaloj, ruligata en ĉiela arkaĵo. Kriŝna, laŭ hindaj legendoj kreitaj pli ol 2500 jaroj antaŭe, naskiĝis de la virgino Maya kies edzo estis ĉarpentisto. Antaŭ lia naskiĝo okazis falo de ĉiela ŝtono (meteorito) kiun esploris la astrologoj de la reĝo Maruda. Sur la ĉiela ŝtono estis skribita, ke la novenaskito iĝos la reĝo de la sama lando kiun regis Maruda. Timigita, la reĝo ordonis trovi la novenaskiton. Sed li jam estis for, ĉar lia patrino kun li foriris el la loko, obeante la sonĝon misteran. Tiam la reĝo ordonis ekstermi ĉiujn suĉinfanojn knabajn en sia lando. Kvankam la hinda legendo pri nasko de Kriŝna estis konata multajn jarcentojn antaŭ ol aperis evangelioj, tamen ni ne rajtas konkludi, ke la sankta Mateo ĝin ĉerpis el hinda fonto. Same ni ne povas aserti, ke Moseo prenis de la babilonanoj la rakonton pri kreo de la mondo kaj pri la superakvego, kvankam Delitzsch tute prave diras, ke la babilona Genezo estis multe pli antikva ol la Biblia.

Antikvuloj festis jarkomencon printempe, je la momento de tagnokta egalo, kiu por ni okazas ĉirkaŭ la 21[a] marto. Astronomoj diris, ke tiam la suno troviĝis en la stelaro de Ŝafo, ankaŭ en la stelaro de Fiŝoj, ĉar pro la precesia fenomeno, la tagnokta punkto kontinue ŝanĝas sian lokon sur la ekliptiko. Ankoraŭ pli pratempe tiu grava punkto lokis en stelaro de Bovo. Tiel nature okazis, ke — pro la astronomia bazo de religio — la stelaro de l' tagnokta punkto simbolis la sunon, kaj la sunan Dion. Unue ĝi estis Bovo, adorata en Egipto sub la nomo de Apis, en Babilono kaj Asirio — sub formo de flugilhava bovo kun homa kapo, en Irano — sub aspekto de Mithra-bovo. Ne estas hazarda koincido, sed ja antikvega paganaĵo, ke en Parizo dum la Karnavalo oni kondukis tra la urbo la „bovon grasan“ flor-ornamitan en solena procesio; la Karnavalo ja okazas printempe, proksime de la tagnokta egalo.

Poste oni simbolis la sunon per Ŝafo, latine A r i e s, kaj ĝuste la a r j a raso tiam atingis apogeon de sia spirita influo. Kristo estis nomata Ŝafido*) de la mondo. Dum la pasko kristanoj ornamas la sanktan kukon per statueto de ŝafido. Sur la famaj pentraĵoj, la Kristo-infano estas bildita kun ŝafido.

*) Sanskrita vorto: *meŝaĥ* (ŝafo) memorigas la hebrean *maŝiaĥ* (mesio).

Fine la tagnokta punkto atingis stelaron de Fiŝoj, kaj tiam oni simbolis la Sunon per Fiŝo. En M a h a b h a r a t a oni trovas legendon pri la lasta superakvego, dum kiu la filo de l' suno (Vivasvata) saviĝis dank' al mistera Fiŝo, kiu cetere estas ordinara transformiĝo de Viŝnu. Unuaj kristanoj ankaŭ simbolis Kriston per fiŝo, kiu portas en la hellena lingvo nom i ĥ t h y s, kies leteroj formigis la konatan frazon (Jesus Ĥristos Theou Yios Soter = Jesuo Kristo Dia Filo Savinto). Etimologie i ĥ t h y s similas la slavan ŝ t u k a ezoko, fiŝo kies kapo enhavas krucforman oston, fiŝo kiun hebreoj manĝas dum la pasko.

Estus tro longe elĉerpi la temon pri sunaj Dioj de l' religioj tuthomaraj. Nun ni nin turnu al niaj modernaj sciencoj. Astronomio instruas al ni, ke nia planeda sistemo ekzistas ĉirkaŭ la suno, kies maso sepcentfoje superas kunigitan mason de ĉiuj planedoj, lunoj kaj kometoj. Fiziko instruas, ke tuta energio de nia vivo venas de la suno. Meteorologio pruvas, ke ĉiuj fenomenoj de la vetero kaj la klimato estas produktataj de la suno, kies energio estas multespeca: lumo, varmo, ĥemia radiado, elektro, magnetismo, gravitado. Per forto de sunvarmo elvaporiĝas akvo sur la oceana surfaco, formas nubojn, poste ree falas en pluvo, nutrante riverojn. Geologio konstatas, ke la suna energio, en formo de torentoj, riveroj, ventoj, pluvoj, frostoj, varmegoj, niveligas la teran supraĵon, transformas rokojn en la argilon kaj sablon. Botaniko observas, ke la suna energio amasiĝas pere de klorofilo en formo de ligno, amelo, sukero, greno, kaj tiel nutras la animalojn kaj la homojn. Higieno konsilas plej oftan sunbaniĝon, sunlumigon de loĝejo, ĉar la sunaj radioj energie kontraŭbatalas infektajn mikrobojn kaj donas al homa korpo internan forton kiu gardas de la malsanoj. Ludinte gravegan rolon en la antikvegaj religioj, la suno, kiel vivofonto, estas ankaŭ por nuna scienco la ĉefrola, unika estaĵo kiu donas vivon al ĉiuj homoj, bestoj, kreskaĵoj, kiu reguligas geologian evoluon de la tero kaj kiu trenas nian teron, kune kun la planedaro, en misterajn abismojn de la Kosma Spaco.

---

## La birdo Trogono,*)

### simbolo de libereco de Gvatemalio.

*K. G. Fritzsching, Caracas.*

Ido de tropika lando Amerika; frukto de kiso de l' matenruĝo sur la lipoj de tero kie printempo havas sian tronon; floro senkompara el la ĝardeno de la kreaĵo: la Trogono, birdo en la blazono de Gvatemalio, estas sendispute la plej bela el ĉiuj birdoj vivantaj sur la kontinento, kaj eĉ el tiuj kiujn admiras kaj respektegas aliaj popoloj kiel plej ŝatatan juvelon de siaj arbaroj. Ne povas konkuri kun la Trogono gvatemalia, ĉu koncerne eksteraĵon, ĉu rilate al fiereco, nek la aglo, kiu ne forgesis, ke sub ĝia plumaro estis kaŝita la potenca animo de Jupitero; nek la brilega pavo, kiu kredis

*) hispane: quetzal, quezal, cuezal.
latine: Pharomacrus Mocino (De la Llave); Trogon resplendens (Gould), ankaŭ Calurus paradiseus aŭ Trogon paradiseus.

ke luksaj kasteloj kaj terasoj kun paĝioj kaj princinoj estis konstruitaj nur por ke li povu montri sian belaĵon; nek la paradizbirdo, kiu en vanta petoleco povus pensi, ke la belĝardeno de l' mondo estas kreita por li; nek la silentema ardeo; nek la karesema kolombo; nek la cigno naĝe paradanta sur lago; nek la kondoro de l' Andoj, kiu de ĉielaj altecoj rigardas malsupren al la tero kaj ties kreitaĵoj je la piedo de ĝia nuba baldakeno

En la senkulturaj montaroj la sankta birdo troviĝas kvazaŭ kiel Dio en Edeno. Ĝi estas la feo de l' arbaro. Kiam ĝi malrapide ekflugas leviĝante al bluaĵo ĉiela, ĝi similas petegon senditan de la tero al Eternulo, kaj en la serena spaco ĝia kurba korpo nuancariĉa estas kiel ĉielarko, emblemo de paco kaj majesteco. Aliflanke, ripozante sur kruta branĉo de arbo, la Trogono estas vere unika kaj la plej belega floriĝo de la naturo.

Ĝia plumaro estas ora, smeralda kaj rubena. Kial klopodi ĝin priskribi? Eĉ la plej saĝe elektitaj kunigoj de vortoj neniam povus indiki la realan belaĵon de tiu mirinda birdo. La plej vivaj koloroj de plumoj fremdlandaj paliĝas apud la verdo, la ruĝo kaj la dieca flavo de l' plumaro de Trogono. La orkolora fazano liveranta la materialon por magiaj ventumiloj orientaj; la pentritaj kolibrioj breditaj en la ĝardenoj de Moctezuma por la vestaĵoj de ties korteganaro; la muŝkapta pasero kaj la oriolo, faritaj kvazaŭ el irido kaj metaloj; la struto, per ties plumoj la grekoj ornamis la kaskon de la statuoj de Minerva; la majesta cigno kun volupta lanugo; la silkeca kolimbo; la papago vestita kiel arlekeno, — neniu el ili kuraĝus montri sian plumaron antaŭ la reĝino amerika. Ŝi superas ilin ĉiujn per la brilego kvazaŭjuvela de sia plumaro, per la gracieco de sia flugado, kaj per la „radiantaj spadfiŝoj" kovrantaj sian voston.

La Trogono vivas en la montaro gvatemalia, tiel en alte lokitaj arbaroj kronitaj de nuboj per frosto kaj roso, kiel pli malsupre sur ebenaĵo en tropikaj arbaroj, kie majestaj arbegoj leviĝas kiel templaj kolonoj. Neniam ĝiaj piedoj humiliĝas per kontakto kun la tero; la Trogono vivas en aero kaj lumo kaj serĉas sian nutraĵon aŭ ĉirkaŭflugante aŭ senmove sidante sur branĉo de giganto de l' arbaro. Sur la seĝo plej alta kiun donas la branĉaro, ĝi ofte restas senmove rigida kelkajn horojn, kiel Simono la kolonulo sur la supro de sia penta kolono, de tempo al tempo malrapide turnante la kapon tien ĉi aŭ tien, kiam ĝi perceptas en la paco kaj mistero de sia rifuĝejo sonon nekonitan, aŭ gracie balancante sian korpon per la verdbrilega vosto.

Fiksa plumtufo en formo de duonluno kronas la frunton de Trogono. Indianaj monarĥoj kaj gentestroj, kacikoj kaj kapitanoj sin ornamis per plumoj ĝiaj. La supraplumoj de la flugiloj kaj la ruĝa lanugo de la brusto beligis zonumojn kaj luksajn ĉirkaŭkolojn, dum la longaj (ĝis unu metro) kaj riĉaj plumoj, kiuj kreskas el la flankoj kaj kovras la voston, servis kiel ĉako kaj kaskokresto.

La plumaro de la Trogono estis la plej valorhava trezoro de la imperioj amerikaj. Moctezuma ĝin preferis je oro kaj alteprezaj ŝtonoj kaj ĝin akceptis kiel plej ŝatatan tributon de siaj popoloj. La reĝoj de la gentaroj Cachiquel kaj Quicse favoris korteganojn kiuj prezentis kiel donacojn tiajn plumojn smeraldajn. Cortés sendis al la Gereĝoj Katolikaj, kiel tributon de la landoj de li milite akiritaj, kronojn el plumoj trogonaj enkadrigitaj en oro, safiroj kaj topazoj; kaj roma klerikulo kun manoj subtilaj repentris unu el la pentraĵoj faritaj de la artistoj de gentaro Anahuac, per lanugo de Trogono kaj de kolibrio.

La homa avido por la plumoj de la Trogono serioze endanĝerigas ĝian pluan ekzistadon. Oni devas vere surpriziĝi, ke la mirakla birdo ne jam estingiĝis ŝekve de senindulgema persekutado kiu daŭras jam kelkajn centjarojn. La indianoj estis antaŭzorgaj tiurilate; ili ne atencis kontraŭ la vivo de la trikolora birdo por akiri ĝian riĉan plumaron, sed ili nur kaptis ĝin per ruzo en enfalujo, eltiris la longajn plumojn de la vosto kaj reliberigis ĝin kapabla por flugado Mortigo de Trogono kostis la vivon al mortiginto. Neperebla estas la plumo trogona; nek lumo nek aĝo paligas ĝian brilon aŭ plimalgrandigas ĝian vivan nuancaron. Nobelaj familioj heredas al siaj posteuloj kiel posedaĵon de plej alta valoro la riĉegajn vostplumojn de la Trogono.

Amo de libereco estas la fundamento psiĥologia de tiu ĉi stranga birdo. Libera ĝi vivas en la arbaroj, faras sian neston en trunko kaj tien metas siajn ovojn verdete bluajn. Zorgeme ĝi flegas sian voston kaj protektas sian plumaron. En kaptiteco ĝi baldaŭ mortas pro furiozeco kaj doloro. Tiu ĉi fiereco titana, maltimema pri la morto kaj ne petanta kompaton, donas al la loĝantoj de la tero, kie vivas la sovaĝa Trogono, imitindan ekzemplon de indeco ĉe kruela atako per maljustulo. Bone inspiritaj estis do la patriotoj kiuj tiel trafe sciis identigi en la simbolismo de la blazono de Gvatemalio la arbaran birdon kun la spirito de l' popolo kiu neniam ŝanceliĝis inter la honto de sklaveco kaj la gloro de inda morto.

## D-ro Zamenhof pri UEA.

*„Oni ĉie komprenas, ke UEA liveras taŭgan neŭtralan fundamenton por ĉiuj interhomaj rilatoj kaj servoj, kaj el tiu ĉi reciproka sinhelpado rezultos pli da amikeco kaj estimo inter la gentoj, kaj foriĝos la baroj, kiuj malhelpas ilian pacan interkomunikiĝon. En tiu ĉi principo kuŝas la ĉefa graveco de via Asocio.*

*Mi do estas plene konvinkita pri la utileco de via Asocio kaj la esperantisma karaktero de la laboro, kiun ĝi jam plenumis kaj ankaŭ plenumos. Mi fine sentas la devon gratuli kaj danki la sindonajn fondintojn de UEA, kiuj per sia obstina laboro kaj penado povis alkonduki tiun institucion, sur la bona vojo, kie ĝi nun staras. Mi de via Asocio atendas multe da bono por nia afero, kaj mi tutkore esperas, ke UEA faros ĉiam pli gravajn progresojn kaj per sia rapida plifortikiĝo nin ŝovos antaŭen al la baldaŭa realigo de Esperantismo."*

BARCELONA 1909.

D-ro L. L. ZAMENHOF.



# LITERATURO



## El „La Ĝardenisto“

de *Rabindranath Tagore,*

esperantigita de *D-ro Walter Lippmann.*

### La kvardek sesa poemo.

Vi forlasis min kaj ekiris vian vojon.

Mi pensis, ke mi funebrus pro vi kaj starigus en mia koro vian solecan bildon teksitan en ora kanto.

Sed ha, mia malbona sorto, la tempo estas mallonga.

Juneco malaperas jaron post jaro; la printempotagoj estas fugemaj, la delikataj floroj mortas pro nenio, kaj la saĝulo admonas min, ke la vivo estas nur rosguto sur lotusfolio.

Ĉu mi malatentu ĉion ĉi por konstante postrigardi virinon, kiu alturnis sian dorson al mi? Tio estus neprudenta kaj malsaĝa, ĉar la tempo estas mallonga.

Do, venu, miaj pluvaj noktoj kun plaŭdantaj piedoj; ridetu, ora aŭtuno mia; venu, senzorga aprilo ĉien disdonante viajn kisojn.

Vi venu, kaj vi, kaj vi ankaŭ!

Miaj amataj, vi scias, ke ni devos morti. Ĉu estas saĝe rompi sian koron por tiu unu, kiu forprenas sian koron? Ĉar la tempo estas mallonga.

Estas dolĉe sidi en angulo por meditadi kaj skribi en rimoj, ke vi estas tuta mia mondo.

Estas heroe karesi sian ĉagrenon kaj decidi esti nekonsolebla.

Sed freŝa vizaĝo enrigardas tra mia pordo kaj levas siajn okulojn al miaj okuloj.

Mi povas nur forviŝi miajn larmojn kaj ŝanĝi la tonon de mia kanto.

Ĉar la tempo estas mallonga.

* * *

### La dek oka poemo.

Kiam la du fratinoj iras por alporti akvon, ili venas al tiu ĉi loko, kaj ili ridetas.

Ili certe rimarkis iun staranta post la arboj, kiam ajn ili iras por alporti akvon.

La du fratinoj flustras unu al la alia, kiam ili pasas tiun ĉi lokon.

Ili certe divenis la sekreton de tiu iu staranta post la arboj, kiam ajn ili iras por alporti akvon.

Iliaj kruĉoj balanciĝas subite, kaj akvo elŝutiĝas, kiam ili atingas tiun ĉi lokon.

Ili certe eltrovis, ke batas la koro de iu staranta post la arboj, kiam ajn ili iras por alporti akvon.

La du fratinoj rigardas unu al la alia, kiam ili venas al tiu ĉi loko, kaj ili ridetas.

Jen estas ridado en iliaj rapide paŝantaj piedoj, kiu faras konfuzon en la pensoj de iu staranta post la arboj, kiam ajn ili iras por alporti akvon.

* * *

### La kvina poemo.

Mi estas senripoza. Mi estas soifa al malproksimaĵoj.

Mia animo vagas en sopirado por tuŝi la borderon de la malhela malproksimo.

Ho Granda Transo, ho laŭta voko de cia fluto!

Mi forgesas, mi ĉiam forgesas, ke mi ne havas ilojn por flugi, ke mi estas ligita al tiu ĉi terpeco por ĉiam.

Mi estas avida kaj maldormema, mi estas fremdulo en fremda lando.

Cia spiro venas al mi enflustrante neeblan esperon.

Cia lingvo estas konata al mia koro kiel ĝia propra.

Ho Malproksima Celo, ho laŭta voko de cia fluto.

Mi forgesas, mi ĉiam forgesas, ke mi ne scias la vojon, ke mi ne havas la flugilan ĉevalon.

Mi estas senlima, mi estas migranto en mia koro.

En la suna haladzo de la malrapidaj horoj, kiom vasta vizio de ci formiĝas en la bluo de l' ĉielo!

Ho Plejmalproksima Fino, ho laŭta voko de cia fluto!

Mi forgesas, mi ĉiam forgesas, ke la pordoj estas fermitaj ĉie en la domo, kie mi loĝas sola.

* * *

### La tridek dua poemo.

Diru al mi, ĉu tio estas ĉiom vera, mia amiko, diru al mi, ĉu tio estas vera:

Kiam tiuj ĉi okuloj elĵetas siajn fulmojn, la malhelaj nuboj en via brusto donas ventegecan respondon.

Ĉu estas vere, ke miaj lipoj estas dolĉaj kiel la malfermiĝanta burĝono de l' unua konscia amo?

Ĉu la memoroj de malaperintaj majmonatoj sopiras en miaj membroj?

Ĉu la tero kiel harpo ektremas je kantoj pro la tuŝo de miaj piedoj?

Ĉu estas do vere, ke la rosgutoj falas el la okuloj de l' nokto, kiam mi estas vidata, kaj ke la matenlumo estas ĝoja kiam ĝi ĉirkaŭvolvas mian korpon?

Ĉu estas vere, ĉu estas vere, ke via amo migris sola tra epokoj kaj mondoj serĉante min?

Ke, kiam vi trovis min laste, via vivo, longa sopiro trovis perfektan pacon en mia milda parolo kaj miaj okuloj kaj lipoj kaj fluaj haroj?

Ĉu estas do vere, ke la mistero de l' senfino estas skribita sur tiu ĉi malgranda frunto mia?

Diru al mi, mia amiko, ĉu tio estas ĉiom vera.

* * *

### La dudek oka poemo.

Viaj demandantaj okuloj estas malĝojaj. Ili serĉas por ekkoni mian sencon kiel la luno volas esplori la maron.

Mi malkovris mian vivon antaŭ viaj okuloj de fino al fino kaj kaŝis aŭ retenis neniom. Tial vi ne konas min.

Se ĝi estus nur gemo, mi povus rompi ĝin je cent pecoj kaj surfadenigi ilin je ĉeno metota sur vian kolon.

Se ĝi estus nur floro, ronda kaj eta kaj dolĉa, mi povus ŝiri ĝin de ĝia trunketo por meti ĝin en vian hararon.

Sed ĝi estas koro, mia amatino. Kie estas ĝiaj bordoj kaj ĝia fundo?

Vi ne konas la limojn de tiu ĉi reĝlando. Tamen vi estas ĝia reĝino.

Se ĝi estus nur momento de plezuro, ĝi florus en kontenta rideto, kaj vi povus vidi kaj legi ĝin en momento.

Se ĝi estus sole doloro, ĝi fandiĝus je travideblaj larmoj reflektante sian plej internan sekreton sen unu vorto.

Sed ĝi estas amo, mia amatino.

Ĝiaj ĝojo kaj doloro estas senlimaj, kaj senfinaj ĝiaj bezonoj kaj riĉaĵo.

Ĝi estas tiel proksima al vi kiel via vivo, sed vi povas neniam tute koni ĝin.

# *Mia Muzo.*

☆

*En larma frost' de l' ĉambro sub tegmento,*
*kie malofte estas festotag',*
*kaj tra l' fenestraj fendoj vintra vento*
*siblas susure plendojn dum la vag',*
*tie versfari igas min imag'.*

*La bru' babila de kudromaŝino*
*lulas min per muzik' de l' taglabor'*
*kaj rava rid' de bela blondulino*
*veke min vokas per arĝentsonor':*
*„Lasu la larmojn pasi fluge for!“*

*Ŝi, mia Muzo, Magdalen' pekanta,*
*kise karesas min kun amhumil'.*
*Vualas vangojn virge ruĝ' dianta,*
*ĉar ŝi infanon vartas en lulil' . . .*
*etan infanon vartas en lulil'.*

Julio Baghy.

---

## TRA LA LIBRARO.

Detala raporto pri ĉiu publikaĵo okupis tro ampleksan lokon en nia gazeto. Estonte la eldonaĵoj estos bibliografie notataj en la rubriko „Novaj libroj“. Sub titolo: „Tra la libraro“ aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de la plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

**Vivo de S. Francisko el Assisi.**

Nia talenta samideano pastro Modesto Carolfi verkis belan biografion de la fama katolika sanktulo S. Francisko el Assisi. La luksan libreton kun multaj ilustraĵoj eldonis A. Paolet, S. Vito al Tagliamento (Italio).

Klara, bonstila kaj eĉ ofte poezia, la verko tre oportune dividiĝas en dudeko da mallongaj ĉapitroj. Kortuŝa estas tiu pri la amo de S. Francisko al ĉiaj bestoj, birdoj, abeloj kaj ankaŭ floroj. Trafe tradukis pastro Carolfi lian faman „Himnon al Frato Suno“ en kiu la naturo estas ame prikantata:

„ . . . Laŭdata estu, mia Sinjoro, pro fratino Luno kaj steloj,
Kiujn vi formis en ĉielo helaj
Multvaloraj kaj belaj.
Laŭdata estu, mia Sinjoro, pro frato vento . . .“

Ĉiuj katolikoj ĝoje bonvenigos tiun ĉi libron kaj la amantoj de eleganta esperanta stilo ĝin ŝatos en sia biblioteko.

*P.*

---

## Novaj libroj.

**Ho, tiuj fremduloj!** Opereto en unu akto, originale en Esperanto verkita de *Feliks Hiller.* 1923. Esperanta Librotrezoro N-ro 3.
Eld. J. Ŝapiro, Lipova 33, Bialystok (Polujo).
46 + 6 paĝoj, 12 × 16½ cm. Prezo ne montrita.

**Ĥinago.** Novelo de *Jack London.* Kun aŭtora permeso tradukis *Philip Kalisky.*
Eld. Esperantio, P. Hitrow, Berlin-Charlottenburg 2, Fach 18 (Germanio).
24 paĝoj, 11½×16 cm. Prezo ne montrita.

**Guto post guto.** Originalaj versaĵoj el esperanta poezio. Kolektitaj de *P. Hitrow.*
Sama eldonejo kiel la antaŭa.
36 paĝoj, 11½ × 16 cm. Prezo ne montrita.

**Cavalleria rusticana.** (Kampara kavalireco aŭ Vilaĝana honoro.) Dramo en unu akto. *Giovanni Verga.* Tradukis el itala lingvo *Rodolfo Castagnino.*
Eld. A. Paolet, S. Vito al Tagliamento (Italio).
48 paĝoj, 12×17 cm. Prezo: 2,50 L. it.

**Penseroj.** Dua kajero. Kompilis kaj tradukis *Salo Grenkamp-Kornfeld.* 1924.
Eld. „Esperantista Voĉo“, Jaslo (Pollando).
48 paĝoj, 11 × 15½ cm. Prezo afr.: 0,25 fr. sv.

**For la neŭtralismon!** 2-a eldono. *E. Lanty.*
Eld. Sennacieca Asocio Tutmonda, Colmstr. 1-3, Leipzig (Germanio).
24 paĝoj, 12 × 18½ cm. Prezo: 0,30 fr. sv. aŭ 0,75 fr. fr.

**Dokumentoj de Komunismo.** Sama eldonejo kiel la antaŭa.
132 paĝoj, 12×18 cm. Prezo: 1,80 fr. sv. aŭ 4 fr. fr.

**Faŭsto.** Konciza komentario al Faŭsto, 1-a parto, de *Max Butin,* L. K.
Eld. Butin & Jung, Godesberg (Germanlando).
18 paĝoj, 12×18 cm. Prezo afr.: 0,50 fr. sv.

*Esperanta Biblioteko Internacia.* Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden. Volumetoj 9½×14 cm. Prezo: 0,25 fr. sv. (duobla N-ro: 0,50).
El tiu kolekto reaperis en dua aŭ tria eldono la sekvantaj:

N-ro 8: **El komedioj.** Fragmentoj el La Revizoro kaj el Georgo Dandin. Trad. *D-ro L. L. Zamenhof.* 48 paĝoj.

N-ro 10-11: **Japanaj rakontoj.** Kunmetis *Ĉif Toŝio.* 70 paĝoj.

N-ro 13: **Bulgaraj rakontoj.** *Ivan Minĉev Vazov.* Trad. *At. D. Atanazov.* 52 paĝoj.

N-ro 17: **Konsiloj pri higieno.** *R. Stolle.* Trad. *J. Borel.* 38 paĝoj.

N-ro 24: **La Instituto Milner.** *Jean Jullien.* Trad. Lyon'a Grupo. 36 paĝoj.

N-ro 25: **Noveletoj el la Nigra Arbaro.** *Helene Christaller.* Trad. *Wilhelm Christaller.* 48 paĝoj.

N-ro 27: **La Patrino.** *Ernst Zahn.* Trad. *J. Ŝmid.* 56 paĝoj.

**Manuale di Esperanto** in dieci lezioni con due vocabolarietti. *B. Migliorini.* Eld. A. Paolet, S. Vito al Tagliamento. 1923.
128 + 16 paĝoj, 12 × 16½ cm. Prezo ne montrita.

**La malbela anasido.** Fabelo de *Andersen.* A simple reading book for beginners.
Eld. British Esperanto Association. 17 Hart Street, London W. C. 1, 12 paĝoj, 8½ × 12 cm. Prezo: 1 penny.

**Esperanto for young beginners.** 7-a eldono.
Sama eldonejo kiel la antaŭa.
24 paĝoj 10½ × 16 cm. Prezo: 2 pence.

**El Esperanto** como Lengua Auxiliar Internacional. (Hispana traduko de la Raporto de Sekretariejo de Ligo de Nacioj).
Eld. Tip. San Lucas 5 Madrid. 1923. 48 paĝoj, 12×17cm.

**Tra la Franciskana urbo Assisi.** Ilustrita gvidlibreto. *P. Stefano de Carolis.*
Eld. A. Paolet, S. Vito al Tagliamento.
36 paĝoj, 12 × 16½ cm.

**Radio** and the language difficulty. *Harry A. Epton.*
Eld. The Wireless and Allied Trades' Review 12—13 Henrietta Street, London W. C. 2. 8 paĝoj, 12×18 cm.

**El Problema del Idioma Internacional.** *M. Fernandez Menendez.* Conferenca dada en el Museo pedagogico de Montevideo, el 1ª de Febrero de 1923.
Imp. Peña Hnos, Montevideo. 64 paĝoj, 13×19½ cm.

*G. S.*

# TRA LA MONDO ESPERANTISTA

## Informilo de Esperantistaj Societoj. — Kroniko.

### XVa Kongreso de Esperanto en Nürnberg.

**Lasta cirkulero kaj bilanco.**

La Loka Kongresa Komitata sendis al ni lastan cirkuleron kun la bilanco. Pro manko de loko ni represas nur la ciferojn kaj kelkajn rimarkojn de nia flanko.

La Loka Kongresa Komitato rimarkigas pri la neantaŭviditaj kaj neantaŭvideblaj komplikaĵoj rezultiĝintaj el la politika situacio. Se malgraŭ ĉio la kongreso povis okazi, oni ŝuldas tion al la nelacigebla klopodo de la komitato kaj al la ... rezigno de partopreno de la belgaj kaj francaj samideanoj. Estas efektive la unua fojo, ke ne ĉiuj nacioj povis ĉeesti nian ĉiujaran feston, sed la prudenta rezigno plene praviĝis per faktoj. La neripročeblan sintenadon de la L. K. K. konfirmis letere Sinjoro G. Chavet, ano de la Centra Komitato, sed ni zorgu, ke tiu unua fojo estu ankaŭ nepre la lasta!

Estiĝis dum la la kongreso diversaj plendoj kiujn la L. K. K. klarigas per la nekomparebla situacio de la kongreslando. Ne necesas, ke ni revenu sur tiuj okazintaĵoj jam forgesitaj; la L. K. K. faris la eblon, konsiderante la efektive malfacilan situacion financan kaj politikan. Bonan gvidadon de la negocoj oni juĝas laŭ ciferoj; tiurilate la XVa Kongreso superas ĉiujn antaŭajn, ĉu per la nombro de partoprenintoj ĉu per la fina rezultato, kio estis profito de preskaŭ 200 funtoj anglaj. La sperta kasisto de la XVa, Sinjoro Hönnigsberger [laŭdon al li!] bazis la kalkulojn sur la angla mono, mastrumante ŝpareme kaj modele. Jen la ciferoj [ni aldonas la korespondan sumon en *svisaj frankoj*, 1 £ = 25 Fr. sv.]:

| Enspezoj: | Angla mono: | | Svisa franko: |
|---|---|---|---|
| Kotizoj de 4963 kongresanoj . . . | £ 458. 3. 11 | = | 11454.89 |
| Donacoj . . . . . . . . . . . | „ 16. 10. — | = | 412.50 |
| Blindula kaso . . . . . . . . | „ 17. 9. 8 | = | 437.10 |
| Vendejo . . . . . . . . . . | „ 24. 4. 1 | = | 605.10 |
| Kongresaranĝoj . . . . . . . . | „ 87. 11. 4 | = | 2189.16 |
| Sumo: | £ 603. 19. — | = | 15098.75 |

[Meze pagis 2.34 fr. po aliĝinto; po *ĉeestinto* kies cifero estis 3466 personoj 3.30, kongreskotizon].

| Elspezoj: | Angla mono: | | Svisa franko: |
|---|---|---|---|
| Spezoj [ĝeneralaj] . . . . . . . | £ 68. 7. 2 | = | 1709.— |
| Presaĵoj: kongresa libro kun insigno | „ 137. 1. 5 | = | 3426.70 |
| Afranko . . . . . . . . . . . | „ 15. 9. — | = | 386.25 |
| Salajroj . . . . . . . . . . . | „ 56. — — | = | 1400.— |
| Kongresaranĝoj . . . . . . . . | „ 67. 3. 11 | = | 1679.80 |
| Propagando . . . . . . . . . . | „ 65. 11. 6 | = | 1639.40 |
| Sumo de la elspezoj: | £ 409. 13. — | = | 10241.25 |
| Profito: | „ 194. 6. — | = | 4857.50 |
| Sumo: | £ 603. 19. — | = | 15098.75 |

Tiu ĝojiga rezultato devenas plie el la rimarkinde malalta kosto de afranko kaj salajroj, kio bone ilustras la situacion de Germanio. Supozeble la enspezo por la *Blindula kaso* estas la monkolekto farita favore al la blinduloj kaj konsekvence devus troviĝi en la *elspezoj* ĉar tiu sumo devus veni al ili; tiam la neta profito estus £ 176. 16. 4 aŭ 4220.40 Fr. sv.

La esperantistaro kore gratulos la L. K. K. kaj ĝian kasiston por tiu modela financa konduto.

*H. J.*

* * *

*AKADEMIO*
*kaj Lingva Komitato*

Post la diversaj elektoj de 1923, la Akademio konsistas nun el:

Prof. Th. Cart, prez.; S-ro J. M. Warden kaj D-ro J. Dietterle, vic-prez.; Prof. E. Grosjean-Maupin, D-ro W. Lippmann, D-ro E. Privat, direktoroj de la fakaj Sekcioj; S-ro W. Bailey, Prof. P. Christaller, D-ro P. Corret, Prof. A. Dombrowsky, [S-ro E. Evstifĉiefl], S-ro V. Inglada, S-ro G. Isbrücker, S-ro E. Kühnl, S-ro P. de Lengyel, Prof. B. Migliorini, S-ro E. A. Milidge, S-ro P. Nylén, membroj.

*Akademiaj Korespondantoj:* S-ro Rollet de l'Isle (Scienca kaj Teknika Vortaro), S-ro W. Setälä (Finna lingvo), S-ro M. Solá (Kataluna), S-ro A. Tellini (Ladina), D-ro Leono Zamenhof (Pola).

*Sekcio komuna Vortaro:* Prof. Grosjean-Maupin, direktoro; S-roj Bailey, Migliorini, Milidge, Nylén, Bünemann, Solá, membroj.

*Sekcio Gramatiko:* D-ro Lippmann, direktoro; S-roj Christaller, Corret, de Lengyel; Collinson, Stojan, membroj.

*Sekcio Konkursoj kaj Premioj:* D-ro Privat, direktoro; S-roj Isbrücker, Kühnl; S-ino Hankel, S-roj de Ménil, Strœle, membroj.

* * *

Mankas ankoraŭ, por ke niaj Lingvaj Institucioj estu *plene* reorganizitaj, granda parto de la ruslingva reprezentantaro. Bedaŭrinde sen respondo ĝis nun restis la leteroj de l'Prezidanto, ĉu ĉar ilin ne ricevis la korespondantoj en Rusujo, ĉu ĉar iliaj respondoj ne alvenis Francujon. Tamen oni rajtas esperi, ke la petitajn sciigojn la Akademio ricevos fine kaj ke antaŭ la Viena Kongreso ĉio estos en plena ordo.

* * *

*Sekcio Komuna Vortaro.* — La Esperantistoj, jam sufiĉe multnombraj, kiuj sendas al la faka direktoro manuskriptojn por tralegado rilate la vortaron, estas petataj sendi kun la manuskripto 10 francajn frankojn (aŭ saman valoron). La direktoro sciigos poste la aŭtoron pri la de li definitive pagota sumo, kiu dependas de la amplekso kaj de la pli malpli bona stila valoro de l'manuskripto.

* * *

*En Presado.* — Prof. Grosjean-Maupin: Oficiala Radikaro, kun tradukoj en franca, angla kaj germana lingvoj kaj esperanta difino de l'vortoj, kies signifo povas esti duba.

La sama kun tradukoj en aliaj lingvoj aperos poste.

* * *

*Konkursoj kaj Premioj.* — Prezentojn de verkoj al Akademia rekompenco oni devas fari per letero kaj ekzemplero al la Direktoro de la Sekcio D-ro Privat, 2 Ch. de Roches, Genève, antaŭ la 1a de marto 1924.

* * *

### Esperantista Literatura Asocio.

*Januara raporto.*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

En la komenco de nova jaro oni gratulas sin reciproke, premas la manon unu al alia kaj deziras benon kaj feliĉon. Ankaŭ mi tion volonte faras, ĉian bonon mi deziras al la karaj kolegoj, tamen kun ne-ĝoja koro. Mi estas skribanta mian raporton, ĉar mi volas adiaŭi min de la diligenta kolegaro.

Mi estas tro maljuna, mi sentas min ne sufiĉe forta, por ankoraŭ prezidi la Esperantistan Literaturan Asocion. Dum dekdu jaroj mi ĝoje kaj sindone faris la laboron kune kun nia kara kolegino F-ino J. Zschepank, la ĝisnuna vicprezidantino. Sed nun venis por mi la tempo de ĉesigo, kun bedaŭro mi forlasas la karan diligentan kolegaron. Mia „posteulino" estas F-ino Zschepank, en kies manojn mi konfide kaj ĝoje donas la E. L. A.-prezidon. Per sindonema, sperta kaj kompetenta laboro ŝi helpis al mi ĝis nun, elkore mi deziras, ke sub ŝia prezido la Asocio freŝe ekfloru! Fartu bone, karaj geamikoj!

Vivu Esperanto!

*Marie Hankel.*

### Svisa Esperanta Societo.

La Centra Komitato ricevis malgrandajn raportojn de Lausanne, Le Locle, Lyss. Kursoj estas gvidataj en Basel, Lausanne, Le Locle. En Genève finiĝis du regule vizititaj kursoj. La grupa vivo estas tre vigla kaj la stelanoj havis okazon, aŭdi kelkajn interesajn paroladojn: S-roj Arago kaj Borsa, instruistoj, pri instruado de Esperanto; Lady Blomfield pri Bahaismo, speciale interesa por ni, ĉar unu el la reguloj de tiu movado rekomendas uzon de internacia lingvo; S-ro Kobajaŝi parolis pri Japanio, kaj D-ro Privat pri du esperantistaj poetoj: Baghy kaj Eroŝenko.

La grupo Baden havas ĉagrenon perdante unu el siaj membroj, S-ron Lochhead, kiu mortis falinta el la tria etaĝo de fabrikejo Brown Boveri. Ni esprimas al la Badena grupo nian sinceran simpation pri la perdo de ĝia amiko.

Por la Nova Jaro, la C. K. sendas al ĉiuj korajn bondezirojn. Ni ĉiuj daŭrigu senlace la laboron por idealo, kiu fariĝis por ni Esperantistoj sankta.

La grupoj en Zürich, en Lausanne [Zamenhof], en Genève solene festis la memoron je nia Majstro la 15 decembro per tre sukcesaj vesperoj. En Genève komuna vespermanĝo kunigis 75 esperantistojn el 12 nacioj, inter kiuj S-ro Kenn, la ĉina membro de C. K., S-ro Poncet, el Lyon, S-ro Kavaniŝi, el Tokio, S-inoj Williams, el Manchester, ktp.

La komitato de S. E. S. elektis S-inon Sing kaj S-ron Schmid en la Ekzamenan Komisionon, de nun prezidotan de S-ro George Stroele, L. K. Al la ĝisnuna prezidinto S-ro Jean Wenger, tro okupata per urbestraj taskoj en Neuchâtel, ĝi esprimis tre koran dankon pro lia talenta gvidado. Feliĉe li restas ano de la komisiono.

# La Afero marŝas.

En la sudfranca urbo *Perpignan* ekkomencas vigla propagando; je la 9 decembro okazis departementa kunveno, ĉe kiu ĉeestis cent personoj; rezultis fondiĝo de nova grupo en Estagel kaj estos fondata nova en Sainte Marie.

Nova kurso en *München* post paroladoj. Festa kunveno okaze de datreveno de naskiĝo de nia majstro. Amika kunveno de grupoj *Breslau, Schweidnitz, Waldenburg, Freiburg* kaj *Striegau* en Freiburg (Silezio); kursoj en Freiburg (Sil.), Schweidnitz, Saarau, Striegau kaj Ottmachau.

Memora kunveno en *Budapest* okaze de datreveno de la naskiĝo de nia majstro kaj la morto de Prelato Giesswein. Ĉeestis 120 personoj. Kurso por 20 diversfakaj profesoro en *Miskolc*. Fondiĝis Agada Komitato por la okazonta nacia kongreso esperanta en *Szombathely*. La ministro por Internaj Aferoj malpermesis la disvastigon de la „Sennacieca Revuo“ pro ĝia komunista tendenco.

La Itala Ministrejo por Nacia Ekonomio konsentis la libervolan instruadon de Esperanto en la komercaj lernejoj (ŝtataj), kiel konsekvence la Delegito de UEA kaj de la Itala Federacio en *La Spezia* ricevis inviton aranĝi vesperan nedevigan kurson en la komerca lernejo kiel provon. En *Bari* la Delegito de UEA, S-ro Lacalendola ankaŭ ricevis permeson doni kurson en la Komerca Lernejo ĉe kiu partprenas 40 personoj. Dezirinde estas, ke oni sukcesu varbi al nia movado junulojn el Albanio, multnombre studantaj en Bari kiuj portus Esperanton en tiun landon, kies registaro montris favoron al nia movado.

La *Esperanto-Domo* en *Milano* havis sian jarkunvenon dum novembro. Elektiĝis kiel prezidanto kaj vicprezidanto S-roj D-ro Filippetti kaj Girola. Oni esprimis la deziron, ke la XVIIa kongreso de Esperanto okazu en Milano, decidita aranĝo de Esperanto-Ekspozicio dum printempo 1924.

La Laborista Klubo en *Leiden* (Nederlando) sukcesis interesigi la estraron de la popolodomo (Leidsche Volkshuis). Post parolvespero komencis kurso kun 23 partoprenantoj. Alia kurso por progesintoj kaj dua kurso por lernantoj, ĉiuj estas donataj en la popoldomo. La sama grupo starigis ankaŭ kurson en Noordwijk (apud la maro). Por sekvi la sentencon „Utile cum dulci“ la grupo starigis mandolinan sekcion.

En *Rumanio* dank' al la informado de la Esperanto-Centro ni ricevas regule sciigojn. Kursoj komencis en *Arad* (60 personoj); en *Bucuresti* tri kursoj kun entute 205 personoj. Pro internacieco de la publiko tiuj tri kursoj estas gvidataj laŭ rekta konversacia metodo. Gvidas S-ro A. Ĉe kaj S-ro Morariu. En *Gradiŝte*, loko apud Bucuresti, partoprenas 300 personoj ĉe du kursoj. Pliaj kursoj *Odorhei* kaj *Oradea Mare*.

El *Ruslando* nin nur malofte atingis informoj. Post prelego de Kamarado Lengel en la ĉefa stacidomo de *Odessa* antaŭ 300 fervojoficistoj kurso estis aranĝita kiun partoprenas 45 personoj.

Bone progresas nia movado en Ĉina Respubliko. Kursoj en *An-Hing, Shanghai* kaj *Wu-chang*. Fondiĝis grupo esperanta inter la telegrafoficistoj en Shanghai.

En *Denver* (USA, Colorado) paroladoj de nia Delegito, S-ro Levine; fondiĝis grupo. Dum januaro kurso komencas ĉe la Labora Universitato.

**La japanaj esperantistoj dum la tertremo.** Ni ricevis jenan leteron de nia fervora samideano Seriŝev en Harbin:

„. . . Mi timis, ke dum la terura tertremo povis perei multaj japanaj samideanoj. La 12 septembro nia societo ricevis respondan saluton de la ĉeestantaro de l' XIa Japana Esperanto-Kongreso, datumita . . . 1 septembro . . . tago de la katastrofo. . . . Post demando ni ricevis trankviligajn sciigojn pere de F-ino Morita, ke ĉiuj al ŝi konataj esperantistoj en Tokio kaj Yokohama sin savis; ŝi ne sciiĝis pri ia perdo dum tiuj teruraj tagoj. S-roj Osaka, Ga, Ĉif Toŝio, D-ro Oshida kaj aliaj ne pereis. Nur la Esperanto-Eldonejo de D-ro Oshida forbrulis. Krom tio unu el niaj samideanoj skribis: ‚Ni perdis samideanon S-ro Osugi, socialiston. Li estis fervora samideano, mortigita de ĝendarma kapitano, kiu ankaŭ mortigis la edzinon de S-ro Osugi, S-ino Noe Ito, ankaŭ konata socialistino. . . . La simpatio de la japanoj dividiĝas — 80 procentoj al la kapitano, 20 procentoj al la mortigitoj. Pastro *J. Seriŝev*, Harbin.

# Radio kaj Esperanto.

La 31an de januaro 1924 (horo ĝis nun ne difinita) el la Bournemouth'a Radio-Stacio oni dissendos du kantojn kaj mallongan paroladon esperantlingve. Ĉiuj samideanoj kiuj bone aŭdos kaj komprenos estas petataj skribi sciigante tion al „The Station Directon, 72, Holdenhurst Road, Bournemouth, Hants, England“. La voksignalo estas 6 B M, kaj la ondlongeco 385 metroj.

Unue kantistino kantos esperante, kaj tuj poste la saman kanton angle. Sekvos mallonga parolado angle pri Esperanto. Dum ĉi tiu parolado estos salutataj la eksterlandaj samideanoj en Esperanto. Poste oni kantos alian kanton esperante kaj angle. La tuta ero daŭros ĉirkaŭ duonhoron. Ni petas, ke vi sciigu ĉi tion al kiel eble plej multaj samideanoj. Ni sciigos la horon de dissendo kiam ni povos.

La du kantoj estas titolitaj: „Dormu, ruĝa suno“ kaj „Mia Kamarado“.

* * *

### Parolado pri Ĉeĥoslovakio en Esperanto.

Ĵaŭdon, la 31 januaro 1924, je la 7a horo 50 m. vespere laŭ mezeŭropa tempo (t. e. 6a horo 50 okcident-, 8a horo 50 orienteŭropa tempo) elsendos Radiotelefona Societo de Praha, „Radiojournal“, el sia radiostacio Kbely near Prague (radioondoj 1150 metroj, 1 KW) kvaronhoran esperantan paroladon de S-ro A. Pitlík, supera komisario de porturisma departemento de Ĉeĥoslovaka Komercministerio, pri: „Turismaj allogaĵoj ĉeĥoslovakaj“:

1. Praha, muzeo de la mezepokaj kaj barokaj arkitekturo kaj antikvaĵoj;
2. Ĉeĥoslovakaj mondbanlokoj: K. Vary-Carlsbad, M. Lázně-Marienbad, F. Lázně-Franzensbad, Píšťany, Trenčín, Teplice ktp.;
3. Subtera stalaktita kaj stalagmita grotaro Moravia Kras;
4. Alpoj, montegaro Tatry en Slovakio kaj ĝia somerrestadejoj;
5. Vintraj sportlokoj en Ĉeĥoslovakio.

*Estas en intereso de nia propagando, ke la esperantistoj raportu en siaj naciaj ĵurnaloj ne sole pri la okazonta parolado sed ankaŭ post ĝia efektiviĝo pri ĝia enhavo, samtempe sendinte — pro uzota pruvo de peresperanta propagando — specimenon de ambaŭ sciigoj kaj raporton pri la aŭskultado al A. Pitlík, Praha II. 1999.*



## Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj

# OFICIALA INFORMILO.

Aperas ĉiumonate.

---

**Jarkotizo:** 6 ŝil. ang. [5 ŝil.], 6 jen jap. [5 jen], 12 Fr. fr.-belg. [10 Fr. fr.-belg.], 15 lir. [12 lir.], 15 Kč. [12 Kč.]; malbonvalutanoj el Aŭstrio, Germanio, Hungario, Polio kaj Rusujo pagas 2 fr. sv. [1 fr. sv.]; membroj de tie ĉi ne nomitaj landoj pagas 6 fr. svisajn [5 fr. sv.]. Monsumon en la krampoj pagas membroj malnovaj.

Se la membro ne povas pagi sian kotizon per citita valuto, pagu ĝin per respondkuponoj en indikita egalvaloro.

*Redaktoro*: Josef Blažek, inspektoro, Olomouc, Müllerova 24 (Ĉeĥoslovakio) (akceptas ĉiujn manuskriptojn por la Oficiala Informilo).

*Kasisto*: Emanuel Kubásek, revizoro, Plzeň, Lobezská 12 (Ĉeĥoslovakio) (akceptas ĉiun monon por la I. A. E F. kaj la Oficiala Informilo)

---

## MODELO DE ALIĜILO.

(Skribu legeble sur p. k. ktp. — Trastreku ne taŭgan tekston).

1. Familia nomo ..........
2. Antaŭnomo ..........
3. Profesio ..........
4. Oficejo (direkcio, stacio ktp.) ..........
5. Gepatra lingvo ..........
6. Nacieco ..........
7. Strato kaj numero ..........
8. Urbo ..........
9. Provinco ..........
10. Lando (ŝtato) ..........
11. Mi ne — estas MA — M de UEA.

(3.–6. en Esperanto)

Morala devo de ĉiu nia ano estas, ke li alvarbu almenaŭ unu fervoran membron.

(Aliĝo al UEA estas rekomendata al ĉiuj I. A. E. F.-anoj).

---

## Karaj geasocianoj.

Antaŭ ol vi pri io ajn letere aŭ p. k. demandos la estraron, la administracion aŭ la redakcion de Oficiala Informilo, tralegu ĉiam atente ĉiujn ĝis nun publikigitajn asociajn sciigojn aperintajn en „La Fervojisto“ (statutoj ktp.); O. I. enmetitaj en „Esperanto“ (aŭgusto/septembro ktp.). Ofte demandas niaj membroj pri jam longe klarigitaj aferoj kaj tiamaniere ili malŝparas la monon eĉ la tempon ne nur al si mem, sed ankaŭ al la redakcio kaj administracio. Nia presspaco estas tre malgranda por ĉiam ripeti la samon; do kun demandoj pri diversaj aranĝoj (pagado de kotizo, maniero de la pago, sendado de artikoloj ktp.) turnu vin al viaj lokaj asesoroj, perant-delegitoj, kiuj ricevas la instrukciojn je la deziro, por povi vin informi. Ĉiuj asesoroj kaj delegitoj, bonvolu laŭ tiu ĉi sciigo informi viajn ĉirkaŭanojn pri tiu ĉi grava sciigo.

* * *

## Fervoja kunsido en Nürnberg, 3 aŭgusto 1923.

(Daŭrigo).

La estona asesoro S-ro A. Sönno salutis la konferencanojn:

Tre estimataj kaj karaj kolegoj samideanaj.

En la nomo de estonaj fervojistoj mi havas la grandan honoron saluti vin, reprezentantojn de fervojistaro, je nia granda festotago.

Al mi ŝajnas, ke estas la unua fojo, kie fervojistoj de nova respubliko Estonio, havas la eblecon transdoni siajn fratajn salutojn al la tuta samideanaro fervoja kaj tion ebligas nia kara Esperanto. Tial estas kaj estu nia plej granda peno dispropagandi la ideon por unuigi ĉiujn fervojistojn en unu granda familio tutmonda. Vivu Esperanto! Vivu samideanaro fervoja!

*A. Sönno,* trafikinspektoro de estonaj fervojoj.

* * *

## Finnlando.

Financa stato de l' ŝtatfervojoj pliboniĝas jaron post jaro. La pasinta jaro donis profiton je 122 milionoj da Fmk., kaj la unua duono de nuna jaro ŝajnas rimarkinde superi la antaŭkalkulojn de la budĝeto. Julio atingis kulminon de komercajtrafiko dum la tuta 61-jara ekzistado de la ŝtatfervojoj. La ĉefan eksportaĵon de niaj fervojoj formas la lignaj komercaĵoj kaj la plej gravan importaĵon la krudmaterialoj por fabrikejoj.

*H. Salokannel.*

* * *

**Kolegoj, kolektu anoncojn por nia I. O.** Postulu informojn ĉe nia administracio (kasisto).

* * *

**Kiel sendi monon al ni?** Gesamideanoj el Ĉeĥoslovakujo pagu al ni ekskluzive per „pagilo de poŝta ŝparkaso“, (platenka pošt. úřadu šekového), Erlagschein der Postsparkasse. Se vi ĝin ne havas, petu ĝin ĉe nia kasisto asocia per poŝtkarto! Gefervojistoj el ceteraj landoj pagu al ni per papermono aŭ respondkuponoj en registrita (rekom.) letero, sed ekskluzive en egala valuto montrita por ilia lando en nia tabelo de jarkotizo. Bonvolu sendi senhezite la kotizaĵon por la jaro 1923—1924.

Redakcio kaj administracio
*JOSEF BLAŽEK,*
fervoja inspektoro,
*Olomouc,* Müllerova 24 (Ĉeĥoslovakio).

* * *

## Fako por korespondado.

### Libertempa restado.

*Josef Blažek,* fervoja insp., *Olomouc,* Müllerova 24 (Ĉeĥoslov.) [eventl. kun sia edzino kaj 2 knaboj] deziras pasigi 2—3 semajnojn dum julio aŭ aŭgusto 1924 apud Adriatika maro aŭ en Svisio.

Se niaj spertaj amikoj povas rekomendi al li iun ajn solidan restadejon, li petas ilin kompense pri tiurilataj afablaj konsiloj.

Al S-ro *H. Salokannel,* Laihia. Kara amiko! Estu konvinkita, ke mi plenumis mian promeson. Tuj post forveturo de la „Rügen“ de Helsinki mi sukcesis disdoni la tutan kvanton de „Malperm. leĝo“. La vojaĝantoj ĝoje akceptis ĝin, eĉ promesis, fari per ĝi hejme propagandon.

*J. Blažek,* Olomouc.

* * *

La redakcio kaj administracio de O. I. deziras *„Feliĉan novan jaron“* al ĉiu jam aliĝinta IAEF-ano, esprimante sincerajn bondezirojn al la dum 1924 nove aliĝintaj gefervojistoj. Rekomendu kaj varbu novajn fervorajn membrojn por IAEF.



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, laŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj frankoj. *Membro (M) 5 Fr. Membro-Abonanto (MA) 12,50 Fr. Membro-Subtenanto (MS) 25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj: *300 Fr.* (Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu nacia prezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 5, 12|6, 25; **Aŭstrio:** Kr. 30, 75, 200; **Belgio:** Fr. 10, 25, 50; **Brazilo:** Milr. 6, 15, 30; **Britlando:** Ŝil. 5, 12|6, 25: **Bulgario:** L. 50, 125, 400; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 20, 45, 100; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 5, 12,50 25; **Estonio:** Mk. 125, 400, 100,000; **Finnlando:** Mk. 25, 60, 120; **Francio:** Fr. 10, 25, 50; ***Germanio:** Mk. or. 2,50, 5,—, 15; **Greklando:** Dr. 25, 80, 300; **Hispanio:** Pes. 6, 15, 30; ***Hungario:** Kr. or. 2,5 5, 15: **Irlando:** Ŝil. 5, 12|6, 25; **Italio:** L. 12, 30, 60; **Japanio:** J. 2, 5, 10; **Jugoslavio:** D. 40, 100, 250; **Latvio:** L. 3, 6, 15; **Litovio:** L. 6, 12, 30; **Nederlando:** G. 2.50, 6, 12; **Norvegio:** Kr. 5, 12.50, 25; ***Pollando:** Zlot. 3, 6, 15; **Portugalio:** Esk. 12, 30, 75; **Rumanio:** L. 100, 250, 600; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50, 25; **Turkio:** P. 75, 200, 500; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj.

*) Por Germanio, Hungario kaj Pollando en ora mono, pagebla laŭ taga kurzo en papermono.

La helpmembroj (HM) estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Kr. 10 000; Germanio: Mk. or. 0,60; Hungario: Kr. or. 0,75; Pollando: Zlot. 0,75; Rumanio: L. 30 La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA (komercaj firmoj, societoj k. t. p.) pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio: No. 79236, Praha. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main. — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190576, Warszawa.*

---

**Novaj prezoj.** — Sekve de konsiderinda prezaltigo sur niaj ĉefaj presaĵoj ni devas proporcie altigi la kotizojn, fiksitajn dum novembro. Escepte la nun nomataj landoj, ĉiuj aliaj prezoj restas la samaj.

| Lando | Mono | M | MA | MS |
|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio . . . . . . . | Kr. | 30 mil | 75 mil | 200 mil |
| Bulgario . . . . . . | Lev | 50 | 125 | 400 |
| Estonio . . . . . . . | Mk. | 125 | 400 | 1000 |
| Germanio . . . . . . | Mk. | 2.50 | 5 | 15 |
| Hungario . . . . . . | Kr. | 8 mil | 20 mil | 60 mil |
| Jugoslavio . . . . . | D. | 40 | 100 | 250 |
| Latvio . . . . . . . | Lat. | 3 | 6 | 15 |
| Litovio . . . . . . . | Lit. | 6 | 12 | 30 |
| Pollando . . . . . . | Zl. | 3 | 6 | 15 |
| Portugalo . . . . . . | Esk. | 12 | 30 | 75 |
| Rumanio . . . . . . | Leo | 100 | 250 | 600 |

Tiuj prezoj valoras depost apero de tiu ĉi numero. Kotizoj ricevataj ĝis la fino de januaro laŭ malnova prezoj estas akceptataj kondiĉe, ke la diferenco inter malnova kaj nova prezoj ne estas tro grandaj. La Centra Oficejo informas pri tio la sendanton.

Ni atentigas plie, ke la personoj, pagintaj ĝis nun kaj laŭ la unua tabelo, ne bezonas postpagi la diferencon.

**Delegitoj.** — Sekve de granda nombro de novaj delegitoj ni ne povas publikigi iliajn nomojn en tiu numero; la venonta numero de „ESPERANTO“ enhavos parton de la novaj delegitoj kaj ŝanĝoj de adresoj.

**Informo el Japanio.** — Ni represas ĉi tie leteron ricevitan el Kobe:

Kobe, 8 Nov. 1923.

..... Mi rapidas respondi al via demando pri la japanaj samideanoj. S-ro GA, ĉefdelegito de UEA, estas tute sana kaj lia familio ankaŭ. Lia domo ne estas detruita. S-ro Ossaka el Tokio sciigas min, ke neniu el la samideanoj de la ĉefurbo estas mortigita en la katastrofo, sed en Yokohama bedaŭrinde tri perdis la vivon, kies nomojn li promesas sendi al vi.

Via frate

*John A. Brailsford.*

**Subtenantoj.**

Kiel dum la pasinta jaro ni intencas sendi al la personoj aliĝintaj kiel Membro-Subtenantoj premion konsistantan en valora literaturaĵo.

Ĉiu persono aliĝanta kiel Subtenanto rajtas elekti *unu* premion el la tri nun nomataj:

1. Fundamenta Krestomatio de Esperanto.
2. Vortaro de Esperanto (Kabe).
3. Sendaĵo enhavanta la jenajn verkojn: Edm. Privat: Vivo de Zamenhof; Historio de la lingvo Esperanto; Turgenev: Elektitaj Noveloj; Puŝkin: Tri Noveloj; Niemojewski: Legendoj; Hildebrand: El la Camera obscura. Plie aldono de po unu ekzemplero de raportoj pri la konferencoj en Genève kaj Venezia, esperante, france aŭ germane.

Ni atentigas je la favora okazo havigi al si ekzempleron de la riĉa kaj leginda „Fundamenta Krestomatio“ kun multaj artikoloj originalaj, poeziaĵoj kaj laboroj de nia majstro.

La *Vortaro de Esperanto* kompilita de Kabe (Kazimierz Bein) estas necesa kompletigo de ĉiu esperanta biblioteko.

**Kunveno de membroj en Paris.** — La UEA-anoj de la teritorio de Paris estas petataj ĉeesti la ĝeneralan kunvenon kiu okazos 71 rue de Richelieu, la 3an de februaro 1924, je la 15a horo, je la 1a etaĝo.

Ĉiu membro kiu deziros prezenti diskutotan temon estas petata sciigi al S-ro Delanoue, 4 rue Charles Divry, Paris XIV, ĝis la 20a de januaro.

* * *

*Genève, 20a de decembro 1923.*

*H. Jakob,*

Ĝenerala Sekretario de UEA.

# Esperantista Vivo.

**Naskiĝoj.** — Al Ge-roj *A. Perrin* en Saint Ouen (Seine) naskiĝis sepa infano, filo nomita Jacques Arsène.

— Al S-ro *Lucien Thevenin*, nia vic-delegito en St. Etienne, naskiĝis filo nomata Jean.

— Al Ge-roj *Mario* kaj *Georgo Deŝkin* (Moskvo, str. Mjasnickaja, 21, l. 13) naskiĝis 26. XI. 1923 filino, nomita Galinjo.

— Al G-roj *Luis Gastanaga* kaj *Klaro Binier* naskiĝis filino nomata Irma Noemí.

**Fianĉiĝo.** — S-ro *Josef Hartmann*, inĝeniero en Bucuresti (Rumanio) kun F-ino *Lotte Karasek* en Biala, apud Bielitz, Pol.

— S-ro *Konstantino A. Stekas*, kapitano de la greka infanterio el Ateno kun F-ino *Stella A. Sagonas* en Samos.

**Edziĝoj.** — S-ro *Francisko Izsak*, bankĉefo en Targul-Mureŝ kun F-ino *Elza Lieber* el Oradea-Mare (Rumanio), edziĝis la 14 de oktobro.

— S-ro *Stjepan Jankač* en Sušak kun F-ino *Marija Petrinović* el Drivenik (Jugoslavio).

— F-ino *Maria Kuśnierczykówna* en Kamienica Polska p. Poraj, Piotzk. (Polio) kun S-ro *Antoni Piltz*, del. de UEA.

**Honorigo.** — S-ro *Aimé Cotton*, eminenta fizikisto, profesoro ĉe la Supera Normala Lernejo en Paris, partopreninta la IVan Kongreson, estas ĵus elektita ano de l' franca Scienca Akademio.

# Niaj mortintoj.

*Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro J. F. **Lochhead**, inĝeniero en Baden (Svislando), garantianto de UEA, vicprezidanto de Esp. Societo en Baden, mortis 28 novembro 1923 pro akcidenta falo el la tria etaĝo de oficejo de la firmo Brown, Boveri & K-io. Skota deveno, S-ro Lochhead instruis nian lingvon en Edinburgh, Glasgow kaj Manchester; veninte en Svislandon antaŭ 10 jaroj li laste elektiĝis kiel vicprezidanto de la loka societo en Baden. Kiu konis lin, rememoros pri li ĉiam kiel estimindan samideanon, perfekte koninte nian lingvon.

S-ro **Philippe Hedde**, emerita oficiro de l' franca maristaro, kavaliro de la Honora Legio mortis 85-jara en Hyères (Var.) Li partoprenis la karavanon de UEA Genève — Dresden okaze de la IVa Kongreso; li estas entombigita en Le Puy (Haute-Loire).

S-ro **Urbain**, membro de la Esperantista Grupo en Bruges (Belgio).

S-ro **Willy van Troostenberghe**, membro de la Esperantista Grupo en Bruges (Belgio).

S-ro **Osipov**, lernanto de fama Lernejo de III Kominterno en Barnaulo (Siberio, Altajo), dronis dum la scienca lerneja ekspedicio en monta Altaja, rivero Katunj. Li estis tre sperta esperantisto. Tutmondaj gekamaradoj esprimu al la lernejo kondolencon (Barnaul, p. o. Nagornoe, Ŝkola III Kominterna, Esper. Grupo). Pastro *J. Seriŝev*, Harbin.

Niaj delegito kaj membro en Międzyrzec kaj Mordy (Pollando), S-roj Herman kaj Herszko **Brukarz**, havis la doloron perdi la patrinon, S-ino **Eva Brukarz**, mortinta 27 oktobro 1923 en Varsovio.

F-ino A. Jennen, instruistino en St. Gilles-Bruxelles kaj ano de UEA, komunikis la morton de ŝia patrino S-ino **Vvo. Clément Jennen**, la 7 novembro 1923.

# ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.
Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 97.**
*Gabriel Heskia*, Bucuresti.
[Originalo].



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 98.**
D-ro *J. J. O' Keefe*, Kongarah.
[The Austral 1923].



Blanko matas per la 2-a movo.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

87 ĝis 90 kaj 92 H. Sentis, St. Jean de Maurienne (Franc.); 91, 92 C. Roĝister, Genève (Svis.); S. Frantz, Paris (Franc.); G. Menzel, Breslau (Germ.); 92 K. Goldfeder, Sloszcza, Równe Wol. (Pol.)

*Solvoj de la problemoj:*

**N-ro 93:** 1 De 1 — d 1, Ra 4 — b4, 2 Dd 1 — d 4 m; b 5 — b 4, 2 Dd 1 × d 7 m; d 7 — d 6, 2 c 2 — c 3 m.

**N-ro 94:** 1 Th 5 — g 5, Ĉf 8 — e 7, 2 Ĉe 4 — c 5+, Ĉe 7 × c 5 m; Ĉf 8 — g 6, 2 Ĉe 2 — f 4+, Ĉg 6 × f 4 m; Ĉf 8 — h 7, 2 Tg 7 × h 7, Ka 2 — b 1 m.

**N-ro 95:** 1 Tb 8 — d 8, Re 7 × d 8, 2 Th 3 — e 3 ktp.; Re 7 — e 6, 2 Td 8 — d 7 ktp.; Re 7 — fe, 2 Th 3 — e 3 ktp.

**N-ro 96:** 1 Th 8 — h 1, Re 8 × f 8, 2 Th 1 — a 1, Rf 8 × g 8, 3 Ta 1 — a 8+, Rg 8 — h 7, 4 Ta 8 — h 8 mato, la T ĉirkaŭkuris la ŝaktabulon. La ceteraj duagradaj variantoj estas facile troveblaj, en ĉiuj ludas la Turo sur a 8.

*Korespondoj kaj rimarkoj:* Keikloje oni eraris solvente 91; per 1 T d 7 + R e 5, 2 Kd 6 + pro K e 5! — S-ro Menzel, Breslau, dankon por la simpatiklarigo — S-ro Goldfeder. Sloszcza, ekzistas ankaŭ pollingva lernolibro pri ŝakludo detalojn ni ne konas. Eble ĝi estas ankaŭ en via urbo havebla. — S-ro P. Klein Essen. En 91; 1 D c 4 ne ebla pro K × e 3, ankaŭ 92: Ĉ × g 8, R h 5 sen mato

**Ludo N-ro 8,** ***defendo de Caro-Kann.***

Ludita en la pormemora turniro de Dobruský en Praha, la 30-an de novembro 1923.

Blanko: *Fr. Hájek.* Nigro: *Quido Palička.*

| | Blanko | Nigro | | Blanko | Nigro |
|---|---|---|---|---|---|
| 1. | e 2 — e 4 | c 7 — c 6 | 16. | Ĉe 5 — f 3 **e** | Ta 8 — e 8 |
| 2. | f 2 — f 4 **a** | d 7 — d 5 | 17. | a 2 — a 4 | Tf 6 — g 6 |
| 3. | e 4 × d 5 | c 6 × d 5 | 18. | b 2 — b 3 | Ĉh 6 — g 4 **f** |
| 4. | Ĉg 1 — f 3 | e 7 — e 6 | 19. | h 2 — h 3 | Ĉg 4 — f 6? |
| 5. | Kf 1 — b 5+ | Kc 8 — d 7 | 20. | Ĉf 3 — h 4 **g** | De 7 — f 7 |
| 6. | Dd 1 — e 2 | Dd 8 — f 6 **b** | 21. | Ĉh 4 × g 6 | Df 7 × g 6 |
| 7. | d 2 — d 4 | a 7 — a 6 | 22. | c 3 — c 4 | Ĉf 6 — e 4 |
| 8. | Kb 5 × d 7+ | Ĉb 8 × d 7 | 23. | c 4 × d 5 | e 6 × d 5 |
| 9. | 0 — 0 | Ĉg 8 — h 6 **c** | 24. | Kc 1 — a 3 | Ĉd 7 — f 6 |
| 10. | Ĉf 3 — e 5 | Kf 8 — d 6 | 25. | De 2 — f 3 | Ĉf 6 — h 5 |
| 11. | c 2 — c 3 | Df 6 — e 7 | 26. | Ta 1 — c 1 | Ĉh 5 — g 3 |
| 12. | Ĉb 1 — d 2 | 0 — 0 | 27. | Tc 1 — c 2 **h** | Dg 6 — f 6 |
| 13. | Ĉd 2 — f 3 | f 7 — f 5 | 28. | Df 3 × g 3 **i** | |
| 14. | Tf 1 — e 1 **d** | Kd 6 × e 5 | | | |
| 15. | Ĉf 3 × e 5 | Tf 8 — f 6 | | | |

kaj Nigro rezignis.

**a** movo malofte uzata, kutime oni ludas d 2 — d 4. Per la farita movo estas intencate kaŭzigi komplikaĵojn; — **b** malbona movo, kies celo ne estas tute videbla. B povis tuj ricevi fortan atakon per 7. Ĉf 3 — e 5 ĉar ne estas ebla Df 6 × f 4 pro 8. Th 1 — f 1 kun danĝera atako de la punkto f 7; — **c** tute ne taŭga loko por la Ĉ; — **d** preparas atakon sur e 6; — **e** kun intenco movi sur g 5 kaj plifortigi la atakon sur e 6; — **f** nun volas la malbone lokita Ĉ okupi pli bonan kampon f 6, sed B tion tuj eluzas por starigi falilon; — **g** jen la falilo; La interna ŝaka okulo de la N estis sendube fermita, ne rimarkante danĝeron. B gajnos la kvaliton minacante nun kapti f 5; — **h** falilo la dua! La N eniras ĝin eĉ ne palpebrumante per sia interna okulo. Ne bona estus la movo Tc 1 — c 7 pro Dg 6 — b 6! — **i** jen la rezulto de la falilo. Ĉ × g 3, T × e 8+, Rf 7, Tf 8+ kaj reprenas la D-on kun profito de unu Turo. *F. H.*

# „LA FEDERACIO DE LA MONDO”

## Enlanda paciĝo kiel bazo por eksterlanda kunlaborado per la nova metodo de la Unismo.

*„Kie ne vidiĝas vizio; tie pereas la popolo.“*

☆

Kiam industrie kaj ekonomie la situacio en diversaj landoj fariĝos nesuferebla kaj ĥaoso minacos, tiam devos agi la popoloj. Sed kiamaniere — detrueme aŭ konstrueme?

Jen nia pacema sed efika metodo.

Por pace kunigi la popolojn estos bezonata facile komprenebla kaj konstrua plano — unue por estigi kunagadon en ĉiu lando, due por ebligi interkonsenton internacian. Deklamado kontraŭ la milito ne sufiĉos. Oni devas detrui la incitaĵojn por batali per rekonstruado de la socia sistemo laŭ principoj kooperativaj. Tiucele „La Federacio de la Mondo“ posedas taŭgan planon por gvidi la homaron. Simpatiemuloj estas invitataj, ke ili fondigu senprokraste edukajn grupojn de tri aŭ pli membroj por akcepti, diskuti kaj diskonigi kiel bazon por mondligado la tri jenajn principojn:

a] Por certigi tipon de registaro demokrata kaj tolerema, sed samtempe efika, ĉiu parlamento devas fariĝi vera reflektilo de ĉiaj kategorioj de publika opinio per sistemo de proporcia reprezentado. Ĉi tiu permesos, ke ĉiuj politikaj kaj industriaj grupiĝo povu elekti reprezentantojn justmaniere t. e. proporcie laŭ la nombro da voĉoj respektivaj. Diversaj valoraj ideoj kaj idealoj tiel taŭge esprimiĝos parlamente. Jen bazo dezirinda por kooperativa registaro je kiu ĉiuj partioj partoprenos respondecon. Spertuloj tamen en maniero simila al la svisa administracio devas kontroli la fakojn de la ŝtato.

b] Por ebligi decan funkciadon de tia registaro nia dua principo liveras novan planon. Nuntempe troviĝas granda konflikto inter ia malnova sistemo — ĉe kiu privataj individuoj kaj grupoj agas kiel kontrolantoj — kaj ia nova sistemo — ĉe kiu komunuma aktiveco intencos ludi la ĉefan rolon Ni aludas al la problemo de la „kontrolo de industrio“. La individualistoj estas determinintaj, ke privataj personoj kaj grupoj konservu sian kontrolon de la maŝinaro de produktado kaj de distribuado. La socialistoj ĉiaj intencas, ke tiu ĉi maŝinaro estu iamaniere sub la kontrolo de la ŝtato aŭ komunumo. Solvo de la demando ebliĝos per nia plano de „La Unismo“ kiu indikas kie individua aktiveco estas permesebla kaj ankaŭ difinas la sferon por la komunumo ...

La Individuo devas produkti.
La Komunumo devas distribui.

t. e. individuoj, kompanioj, laboristaj grupiĝoj, kooperativaj organizaĵoj ktp. havos la rajton uzi mono-kapitalon, laboron kaj direkcian kapablecon por funkcii kaj eksperimenti laŭ sia propra risko en la medio de produktado aŭ kompare aŭ urbe. La komunumo tamen intencos organizi distribuadon — kiu ampleksas la maŝinaron de konservado, transportado kaj disdonado pogranda kaj pomalgranda — per la unisma metodo kuniganta la rektajn sistemojn de S-ro Hoover kaj de la kooperativaj disdonadaj societoj. Por ĉiuj produktantoj troviĝos okazo por vendi kaj samtempe organiziĝos la popoloj kiel konsumantoj.

c] Kiel tria principo la membroj de la Federacio konsentos pri „Libera esprimado de opinioj kaj zorga konsiderado de aliaj reformemaj politikoj“ Post la enkonduko de „nepartia registaro“, kun apliko de la kompromiso pri la kontrolo de industrio, fariĝos pli efika tia libereco per kiu oni povos pritrakti je taŭgaj reformoj pri la tero, edukado, financo, eksterlandaj rilatoj ktp.

* * *

Kiu kredas, ke la supre cititaj principoj estos dezirindaj dum la mondkrizo, tiu estas libera rigardi sin kiel membro de „La Federacio de la Mondo“, sen ia prokrasto aŭ pago. Grupoj faros siajn proprajn financajn aranĝojn kaj regularon por esti sendependaj de ia centrala aŭtoritato. La deĵorado por la idealo enkonduki mondpacon per pacema rekonstruado provizos komunan ligilon. Laŭplaĉe grupoj dediĉos sin al la propagando de la principoj de la Unismo kaj al la konsiderado de detaloj de apliko laŭ lokaj cirkonstancoj. Tiel en multaj landoj ekzistos komuna unuiga metodo por mondligado.

* * *

*(De tempo al tempo estas eldonata internacia esperanta bulteno „La Federacio de la Mondo“ senpage havebla ĉe la honora organizanto S-ro Colin Unwin, poŝtkesto 47 [Box 47] Fremantle, Western Aŭstralia).*

Esperanto-Presejo Magdeburg-N.